# SENNACIECA REVUO



S.A.T. 67, avenue Gambetta, F-75020 Paris

Nº 128-129

2000/2001







**Invento de lingvo**

**La homo kaj la universo**

**Nietzsche**

Supplément au N°11 (1157)
NOVEMBRE 2001
DE SENNACIULO

MICHAEL J. SCHERM

# NECESAS MEMORI



fotis Eugen Schneider

Karaj legantoj,

La kapablo por memori kaj forgesi estas specife homa trajto. Pri ĉi tiu temo jam okupiĝis antikvaj kulturoj. La grekoj konis la riveron Leteo, unu el la inferriveroj, kies akvo lasas forgesi suferojn kaj plezurojn de la surtera vivo.

Pli ol du mil jarojn poste skribis Sigmund Freŭd (1856-1939) pri forgesi kaj subpremi pensojn kaj agadojn. Ekde tiam oni povus distingi la nepacigan kaj pacigan forgesadon.

Dank' al la ampleksa kontribuo de Kurisu Kei ni nek volas nek povas forgesi la aŭtoron de *Krabŝipo*. Multaj inter ni neniam aŭdis pri li, pri lia libro kaj lia terura sorto. La esperanta manuskripto ankoraŭ serĉas eldonanton.

En alia formo, nome novele, sed samteme, ni prezentas fikcian rakontaĵon *Invento de Lingvo* de la germana aŭtoro Wolfgang Kohlhaase. Lia novelo estas malgraŭ la teruraj cirkonstancoj kelkloke amuza en la senco de Imre Kertész ke eĉ en koncentrejo ekzistas feliĉaj momentoj. Finfine la invento iĝas vivosava.

La tria rememoro estas nur alia formo de varbado. Necesa varbado pri libro. Temas pri la sorto de Karlo Ŝtajner kies libro estas eldonaĵo de SAT. Kvincentpaĝa densa priskribo de la travivaĵoj en Siberiaj koncentrejoj, tradukita de Kreŝimir Barkoviĉ. En 1989 venis Ŝtajner (nask. 1902) al la SAT-kongreso en Illertissen, Germanio, ankaŭ tial por pruvi sia vivo kaj pli. Hodiaŭ restas lia libro kiel valora dokumento ankaŭ por ĉiu politike kaj socie pensanta homo. Ĝi estas disponebla kaj aĉetebla ĉe SAT. Fine de nia revuo ni donas dupaĝan impreson de la *Sep mil tagoj en Siberio*. Ne hazarde ni kolektis tri ekzemplerojn - transnacie - el tri kulturoj, tiam ĉiuj reĝimoj tute ne demokrataj.

Iom komplika estas la rolo de Friedrich Nietzsche (1844-1900), unu el la plej legataj kaj pridiskutataj filozofoj, pri kiu kelkaj asertas ke li estas nur talenta filologo influanta la venontajn generaciojn, almenaŭ kelkajn intelektulojn kiel Sigmund Freŭd, André Gide, Thomas Mann, Italo Svevo kaj multajn aliajn. Cetere estis la francoj kaj italoj kiuj literature ekvivigis la memoron al Nietzsche. Jen ni donas kvazaŭ etan enkondukon aŭ alkondukon al Nietzsche.

Kore salutas

via redaktoro

Michael J. Scherm

# SENNACIECA REVUO

Nova serio
N-o 128 - 129

Jaroj
2000/2001
ISSN 1248 - 2293

**Eldonata de S.A.T. 67, avenue Gambetta, F-75020 Paris**
**Redaktoro : Michael J. Scherm, von-Thürheimstraße 47, DE-89264 Weißenhorn**
**Teknika prilaboro: Eugen Schneider kaj Jürgen Kloker**

## Enhavo



Kunlaboru en
Sennacieca Revuo,
jara revuo de S. A.T.

# Historio pri Krabŝipo

de KURISU Kei

***Krabŝipo* estas la ĉefverko de Kobayasi Takizi, japana komunista verkisto, torture murdita de Tokkô, la japana sekretpolico, la dudekan de februaro 1933 en policejo Tukizi de Tokio, apenaŭ ok horojn post lia arestiĝo, kio montras, kiel furioza estis la torturado.**

*Krabŝipo* estis antaŭ la milito mondfama. Ĝi estis tradukite eldonita en kelkaj eŭropaj lingvoj. Ĝi estas ankoraŭ nun legata en Japanio malgraŭ ke jam pasis sesdek-naŭ jaroj de lia morto. Tion pruvas la fakto ke ĝi troviĝas en du prestiĝaj poŝlibretaroj : Tiuj de Iwanami kaj Sintyô. Krom tio en februaro ĉijare la japana poŝto emisiis specialan poŝtmarkon kun la kovrilo de ĝia unua eldono kaj la portreto de ĝia aŭtoro.

Kobayasi Takizi estis samtempulo de Julius Fuĉik, ĉeĥa komunista verkisto, kies ĉefverko estas *Riporto skribita en la pendumila maŝo*, mondfama pro tio, ke ĝi eldoniĝis, tradukite, en multaj lingvoj inkluzive Esperanto.[1] Ili similas unu al la alia ankaŭ per tio ke ambaŭ martiriĝis pro la komunista afero, ĉar ankaŭ Fuĉik devis perei ĝuste pro ĝi. Nome li estis ekzekutita la okan de septembro 1943 en Berlino de la nazioj, kiuj okupaciis lian patrujon, Ĉeĥion, ekde la dek-kvina de marto 1939. Antaŭ sia arestiĝo la dudek-kvaran de aprilo 1942, Fuĉik estis ano de la dua kontraŭleĝa Centra Komitato de Komunista Partio de Ĉeĥoslovakio kaj ankaŭ Kobayasi okupis gravan postenon en la kontraŭleĝa CK de Komunista Partio de Japanio (KPJ) gvidante la proletan kulturan movadon.



小林多喜二

KobayasiTakizi
aŭtoro de Krabŝipo

Ankaŭ *Riporto skribita en la pendumila maŝo* estas ankoraŭ nun legebla en Ĉeĥio eĉ 57 jarojn post la morto de la aŭtoro, kiel pruvas la fakto ke ĝia plena, nekripligita per forstrekoj ktp. versio eldoniĝis unu post la alia en 1994 kaj en 1995. Sub la komunista reĝimo ĝi povis eldoniĝi nur en kripligita formo. Kobayasi Takizi naskiĝis, same kiel Julius Fuĉik, en 1903, en familio de malriĉa terkulturisto en gubernio Akita en nordorienta Honsyu, la plej granda kaj la plej grava el la kvar ĉefaj insuloj de Japanio. Sed kiam li estis ankoraŭ kvarjara, la tuta familio transloĝiĝis en Otaru-n, havenurbo de Hokkaido, la plej norda el tiuj kvar

ĉefinsuloj, ĉar lia patro ne plu eltenis la pezan laboron de terkulturisto kaj krome ĉar tie jam loĝis la pli aĝa frato de lia patro kiel posedanto de panfabriko.

Kiel knabo li loĝis ĉe sia onklo kaj laboris en lia panfabriko. Nur tiel li povis frekventi la komercan mezlernejon. Li povis plustudi per financa helpo de sia onklo en la ŝtata Komerca Kolegio de Otaru. Finstudinte ĝin en 1921 li fariĝis oficisto de la bankfilio en Otaru, la plej granda en Hokkaido. Jam kiel studento de la Komerca Kolegio, li komencis verkadi unue sub forta influo de Siga Naoya (1883-1971), majstra novelisto, sed post nelonge li aliĝis al la movado de proleta literaturo, kiu lanciĝis en Japanio sub influo de la movado *Clarté (Klareco)* en Francio, kiun gvidis Henri Barbusse. Sed ĝin poste forte influis la proleta literaturo de ankoraŭ juna Sovet-Unio. Tiurilate ludis gravan rolon Kurahara Korehito (1902-1991), kiu scipovinte la rusan ne nur japanigis majstrajn romanojn el Sovet-Unio kiel *Ruiniĝo* de Aleksandr Fadejev, sed ankaŭ enkondukis en Japanion literaturan teorion el ĝi. Kaj Kobayasi Takizi fariĝis la plej diligenta kaj fidela lernanto de Kurahara.

Kiel proleta verkisto li debutis kvazaŭ kometo per sia longa novelo *La 15-a de marto 1928* publikigita sinsekve en numeroj novembra kaj decembra tiujare de *Senki (Batalflago),* tiutempe la monata organo de NAPF (Federacio de Prolet-Artistaj Unioj Japanaj). Ĝi vive priskribas, en formo de novelo, la historian eventon neforgeseble gravan en la japana komunista movado, ĝuste en Otaru. Nome en tiu tago unuafoje okazis tra tuta Japanio amasa arestado de multaj aktivuloj, kiujn la polico suspektis anoj de tiam kontraŭleĝa KPJ. Laŭdire, la maniero, per kiu Kobayasi vive kaj detale priskribis, kiel Tokkô furioze torturas la arestitojn, vekis ĉe ĝi kontraŭ li malamon tiom grandan, ke li estis venĝe torturmurdita en la policejo Tukizi en 1933.

Kaj *Krabŝipo,* pli longa novelo ol *La 15-a de marto 1928,* publikigita sinsekve en numeroj aprila kaj maja 1929 de *Senki,* firmigis lian reputacion ne nur kiel proleta verkisto sed eĉ kiel verkisto entute kaj lia tria novelo, ankaŭ sufiĉe ampleksa, *Forestata Bienulo* estis publikigita jam en la novembra numero samjare de *Tyuô Kôron (Centra Revuo),* prestiĝa ekster-movada monata revuo, eldonata sur komerca bazo, en kiu aperis beletraĵoj de nur unuarangaj verkistoj.

Tamen tio kaŭzis, ke Kobayasi estis maldungita de la banko, kie li oficis ekde 1921, kaj li vole-nevole devis vivteni sin kaj siajn familianojn, la patrinon (la patro estis jam mortinta) kaj la pli junan fraton, nur per sia verkado, kaj tiucele li transloĝiĝis en Tokion marte de 1930.

Iom pli frue, en februaro 1929, fondiĝis en Tokio NALP (Japana Prolet-Verkista Unio) kaj Kobayasi estis elektita ano de ĝia Centra Komitato. En majo 1930 li vojaĝis al Kansai, la regiono ĉirkaŭ Osako, kun kelkaj anoj de NALP, prelegante por defendi *Senki-on,* kiun la polico malpermesadis, kaj estis en Osako arestita pro suspekto je monhelpo al KPJ. En junio li estis liberigita kaj revenis Tokion, kie li estis refoje arestita meze de junio kaj en julio estis akuzita pro tio, ke li sakrilegiis en *Krabŝipo* kontraŭ la Tennoo, la imperiestro. Nome antaŭ kaj dum la milito en Japanio ekzistis leĝo, per kiu oni povas puni popolanojn pro sakrilegio kontraŭ Tennoo. Ĝi estis nuligita nur dank' al tio, ke Japanio malvenkis aŭguste 1945 en la milito, kiun ĝi mem lanĉis.

En la romano *Krabŝipo* troviĝas loko, kie ĉiuj laboristoj, kiuj konservas krabojn jam en la ŝipo, kiu estis samtempe fabriko por fari konservaĵojn el kaptitaj kraboj,

pensadis en si, kiam ili faras specialajn konservaĵojn dediĉitajn al la Tennoo: "Ĉi tiuj konservaĵoj konsistas el nia vera sango kaj karno. Certe ili bongustas al li. Ve al li, se li ne suferus ventrodoloron manĝinte ilin!" kaj iu el ili eĉ kriis: "Metu en la konservujojn ŝtonetojn aŭ ion similan! Ne gravas!"

Aŭguste 1930 li estis plu akuzita laŭ la leĝo por publika ordo kaj enprizonigita. Januare 1931 li estis kaŭcie liberigita. Kaj julie li estis elektita kiel Ĝenerala Sekretario de NALP. Oktobre li aniĝis KPJ kaj fariĝis ano de la komunista frakcio de NALP. Fine de novembro li unuafoje vizitis Siga Naoya-n en Nara, kie ĉi tiu tiam loĝis, kvazaŭ por adiaŭi.



poŝtmarko pri
**Kobayasi Takizi**
Aŭtoro de
Krabŝipo

Aŭguste 1932 li fariĝis la respondeculo de la komunista frakcio de KOPF (Federacio de Prolet-Kulturaj Unioj Japanaj), al kiu apartenis ankau JPEU (Japana Prolet-Esperantista Unio). Tiam li jam vivis kaŝe. La 20-an de februaro iom post la tagmezo li estis arestita de Tokkô, de la policejo Tukizi en la mezo de Tokio, dum li surstrate sekrete kontaktis kamaradon kaj trenita al tiu policejo, kie li mortis 45 minutojn post la sepa posttagmeze pro korparalizo laŭ la anonco de la polico, kiu tamen ne permesis nekropsion, kio jam estis forte suspektinda.

La dek-kvinan de marto okazis en Tokio por li laboristkamparana funebro. Lusin, la granda ĉina verkisto, sendis sian japanlingvan kondolencan leteron, kiu jenas:

*"Aŭdinte pri la morto de kamarado Kobayasi, popolamasoj de Japanio kaj Ĉinio estas propre fratoj. La kapitalistaj klasoj trompis ilin kaj per ilia sango desegnis kaj ankoraŭ nun desegnas la limojn. Sed la proletaroj kaj iliaj pioniroj forlavas ilin per sia sango. La morto de kamarado Kobayasi estas unu el ties atestoj. Tion ni scias kaj ne forgesas. Ni marŝos antaŭen laŭ la sanga vojo de kamarado Kobayasi kaj firme premos la manojn unuj de la alia."*

Siatempe Lusin studis en Japanio, tial li scipovis la japanan. Jam en 1930 *Krabŝipo* estis ĉinigita kaj eldonita en Ŝanhajo kun antaŭparolo de Kobayasi Takizi, la aŭtoro. Kvankam ĝi estis malpermesita de Kuomintanga registaro, ĝin tamen reeldonis kontraŭleĝe la ĉinaj verkistoj kontraŭkuomintangaj.

Ĉi tie permesu al mi mencii mian etan travivaĵon koncerne la morton de Kobayasi Takizi. Mi estis arestita kune kun kamaradino, kun kiu mi antaŭ nelonge geedziĝis, en kamparo okcidente de Tokio, kie mi ripozis post recidivo de ftizo kaŭzita de mia kelkmonata vivo en du policaj arestejoj. La celo de Tokkô estis mia novedzino, ĉar ŝia kolegino de la hospitalo, kie ŝi laboris, al kiu ŝi donis

ekzempleron de *Sekki (Ruĝa flago),* la organo de KPJ, konfesis tion al Tokkô ĉe ŝia arestiĝo. Ĝi do serĉis ŝin kaj trovinte ŝin, arestis ankaŭ min, kiu hazarde troviĝis kun ŝi, malgraŭ ke post liberiĝo mi faris nenion krom zorgado pri resaniĝo.

Mi kaj mia edzino estis eskortitaj de Tokkô-anoj per elektra trajno al Sinzyuku, la plej vivoplena kvartalo de Tokio, kie atendis polica aŭto por plu veturigi nin al la policejo Ryôgoku proksime de la hospitalo, kie mia edzino laboris kiel flegistino, ĝis oni maldungis ŝin, kiam malkovriĝis ke ŝi organizas strikon en la hospitalo, simple pro tio ke ano de la kontraŭleĝa sindikato al kiu ŝi apartenis, informis tion (kia stultaĵo!) al granda ĉiutaga gazeto, certe pro fanfarono.

Kaj ĝuste antaŭ la stacidomo de Sinzyuku *mi* kaj mia edzino kun granda surprizo kaj indigno eksciis laŭ manskribita reklamaĵo de matenaj eldonoj de la ĉiutagaj gazetoj pri abrupta morto de Kobayasi Takizi ĝuste en la antaŭa vespero! Diference de aliaj noveloj *Krabŝipo* ne havas specialajn protagonistojn. Tio montriĝas jam en tio, ke la sola persono, kiu portas sian nomon estas nur la inspektoro Asakawa, kiu reprezentante la fiŝkompanion, sian dunganton, senindulge peladas la fiŝistojn kaj la laboristojn sur la ŝipo laboregi ĝis elĉerpiĝo por kapti kiom eble plej multe da kraboj, sekve por fabriki jam sur la ŝipo kiom eble plej multe da krabkonservaĵoj je grandega profito de la kompanio.

Ĉiuj ceteraj personoj de la novelo estas sennomaj: Ili estas la kapitano, studentoj, fiŝistoj, laboristoj, helplaboristoj, la kelnero, la radiisto ktp. Nur kelkaj el ili distingiĝas de la ceteraj per kromnomoj kiel "Balbutulo" kaj "Ne fanfaronu!"

La fiŝistoj kaj laboristoj sklave laboradis, ŝafe obeante la inspektoron, kiu minacis ilin per kruelaj punoj kiel malliberigo sen manĝo, pendigo en frosta aero per vinĉo, gimnastikado en frosta vetero kaj meto de arde brula gladilo al haŭto. Ili toleradis ĉion ĉi, sed ilia toleremo havis sian limon, ĝis fine ilia malkontento eksplodis en ribelon. Ili kaptis la inspektoron, kiun ili malamegis kaj lin bategis. Sed malgraŭ tio li restis enigme aplomba.

Tiu enigmo baldaŭ solviĝis: Destrojero rapide alveturis, arestis kaj forkondukis naŭ gvidantojn el ili. La inspektoro Asakawa ja radie petis ĝian helpon! La fiŝistoj kaj laboristoj, kiuj kredis ke ĝi estas ilia amiko, kruele trompiĝis kaj nur tiam komprenis ke la militŝipo gardas nur la interesojn de la kapitalistoj. Tiel ilia ribelo estis subpremita. Sed ili ĉerpis el tio bonan instruon kaj denove ekribelis kiel la novelo finiĝas per la vortoj: "Kaj ili ekleviĝis ankoraŭ unu fojon!"

Ŝajnas al mi tamen ke ĉi tiu "happy end" (feliĉa fino) estas laŭ proleta realismo. Tiutempe enkondukita de Kurahara el Sovet-Unio en Japanion kiu poste evoluis en socialisman realismon. Kaj mi preferas tiukaze malfeliĉan finon, ĉar tia estis reale en pli multaj kazoj. Ekzemple en *Ruiniĝo*. Sed tio estas multe pli verŝajna en tiama situacio.

Fadejev verkis tiun romanon en 1927 kaj en 1945 sian novan romanon *Juna Gvardio*, kiu priskribas spontanan rezistadon de rusaj junuloj en ilia lando okupaciitaj de la nazigermanaj invadintoj, kio estis sufiĉe reala en tiama tempo. Sed en 1951 li reverkis ĝin surbaze de kritiko de la partio – laŭdire de Stalin mem, tiel ke la junuloj rezistas sub gvido de la partio, kio, kontraŭe, estis neverŝajna en tiama situacio kaj li tiel fuŝis sian novan romanon. Ŝajnas al mi ke li tion poste forte pentis kaj abomenante sin tian, li sin mortigis en 1956.

En la postskribo de *Krabŝipo*, Kobayasi malkaŝas ke la inspektoro Asakawa, kiu tiel kruele traktadis la laboristojn, fiŝistojn kaj aliajn nur por ke ili produktu kiom eble plej multe da krabkonservaĵoj je grandega profito de la fiŝkompanio, la posedanto de la krabŝipo, fine maldungiĝas de la kompanio je lia granda ĉagreno pro tio, ke li ne kapablis preventi ilian duan ribelon je damaĝo al ĝi. Estus pli bone, se la aŭtoro tion priskribus jam en la novelo, ĉar tiel ĝi fariĝus pli bona.

En la novelo troviĝas loko, kie kelkaj fiŝistoj dum krabkaptado for de la krabŝipo aldrivas Kamĉatkon, de kie ili revenas al ĝi persvadite de tieaj loĝantoj pri la supereco de socialismo super kapitalismo, kio ankaŭ estas neverŝajna eĉ en tiama tempo kaj des pli nun, kiam pruviĝis per disfalo de Sovet-Unio ke la « socialismo » praktikita tie ne nur ne superis kapitalismon, sed eĉ malsuperis ĝin.

Malgraŭ tiuj mankoj ke preskaŭ ĉiuj personoj estas sennomaj, *Krabŝipo* legiĝas ĝis la fino kun granda streĉo, ĉar la aŭtoro vive priskribas ĉiun scenon kvazaŭ la leganto vidus ĝin antaŭ si kiel en filmo. La imagkapablo de Kobayasi Takizi estas mirinda, eĉ admirinda des pli ke li, intelektulo, mem neniam travivis ion similan, kvankam kompreneble li zorge kolektadis por verki *Krabŝipo-n* necesajn informojn pri ĝi.

La 16-an de junio en 1933 mi estis liberigita kun prokrasto de akuzo, kvazaŭ la prokuroro degnus min favore trakti, kvankam mi faris pro malsano nenion kontraŭleĝan post mia liberiĝo en vintro de 1932. Mi denove suferis ne nur ftizon sed ankaŭ beriberon (malsano pro manko de vitamino-B; rim. de la red.) pro malbona nutraĵo dum preskaŭ kvarmonata vivo en tri policaj arestejoj kaj skabion pro malpuregaj vivkondiĉoj en la arestejoj sen banejo aŭ duŝo. Mi do devis forlasi Tokion kaj revenis en Osakon, kie mi pasigis mian fruan junecon por zorgi mian resaniĝon. Utiligante tiun nevolan libertempon, mi decidis okupiĝi pri literaturaj laboroj.

Iom poste mi ricevis de Nikolaj Incertov, estrarano de Sovetrespublikara Esperantista Unio (SEU), kiu gvidis la Eldon-Kooperativon por Revolucia Esperanto-Literaturo (EKRELO), kiu estis formale la eldonejo de IPE (Internacio de Proleta Esperantistaro), sed fakte tiu de SEU, leteron, per kiu li petis min ke mi esperantigu por ĝi unu el la du tiam mondfamaj proletaj beletraĵoj japanaj : *Strato Sensuna*, romano de Tokunaga Sunao (1899-1958), preslaboristo debutinta kiel verkisto per seria publikigo de tiu romano en *Senki* de la junia numero ĝis la novembra en 1929 kaj *Krabŝipo*.

Mi ne scias, kial Incertov elektis ĝuste min por tia grava kaj malfacila tasko estinte esperantisto nur de 1930. Ĝis tiam mi havis neniun sperton pri esperantoliteratura laboro. Sed supozeble li rekonis mian tiurilatan talenton laŭ mia riporto pri la aresteja vivo en majo 1932, kiun oni rusigis kaj publikigis en *Mejdunarodny Jazik (Internacia Lingvo)*, la organo de SEU, sub titolo *Tiun tagon bruegis prizono.*

Mi preferis *Krabŝipo-n* el tiuj du; tamen ne estis certa, ĉu mi kapablos plenumi tian gravan, tute ne facilan taskon. Do, mi petis letere Nakagaki Koziro-n (1894-1971), kiu estis lingve kaj literature plej kompetenta el JPEU krom Itô Saburô (1902-1969), Esperanto-poeto kun sia poemaro originala kaj traduka *Verda Parnaso (1932)*, kiu tamen estis tiam en prizono. Nakagaki jam estis sperta japanigintо de japanaj beletraĵoj, japaniginte inter alie longan novelon de Tokunaga Sunao *Malsato en Riĉa Rikolto*, kiu estis eĉ ukrainigita de Gottlieb Noskin kaj publikigita en revuo *Ĉervony Ŝlah*

*(Ruĝa Vojo),* en kies redakcio troviĝis Volodymyr Kuzmic, ukraina verkisto kaj esperantisto.

Tamen, la respondo de Nakagaki estis negativa. Li nome respondis al mi per poŝtkarto ke li ne estas sufiĉe kapabla por plenumi tian malfacilan taskon. Kiel cinike estas respondi ke li ne estas sufiĉe kapabla, li, kiu estas jam tiom sperta! Kion do mi faru kun nur apenaŭ kvarjara esperantisteco? Kaj kiel respondis al mi Incertov, al kiu mi raportis, kion mi ĵus spertis? Lia respondo estis ja kuraĝiga: "Neniu naskiĝis kiel spertulo. Ankaŭ vi povas fariĝi spertulo per praktiko. Do, provu kuraĝe!"

Kaj li eĉ bonvolis donace sendi al mi ruslingvan libron *Japonija (Japanio)* eldonita en 1933 en Ĥarkovo, kiu enhavas ankaŭ rusan tradukon de *Krabŝipo*. Dorse de ĝia titolpaĝo estis de li per nigra inko skribita jeno: "K-do Kurisu, post la antaŭparolo estas presita *Krabkonserva Fabrikŝipo* de Kobayasi, kiun vi bezonas en rusa traduko. Ĉu vi ricevis mian detalan leteron kaj literaturajn gazetojn? Via N. Incertov."

Ankaŭ ĉiuj liaj leteroj same kiel preskaŭ ĉiuj leteroj, kiujn mi ricevis de miaj eksterlandaj leteramikoj, estis konfiskitaj de Tokkô okaze de miaj dufojaj arestiĝoj en 1937 en Osako kaj en 1940 en Tokio. Ĉi tiu libro estas unusola rememoraĵo pri Incertov.

Nakagaki estis pioniro de japanigo de japanaj beletraĵoj kaj li mem eksperimentis tion en sia *Eksperimentejo de tradukado*, unue serie publikigita en revuo *Esperanto Literaturo*, poste eldonita libroforme de Japana Esperanto-Instituto en 1935. En ĝi li faris ok eksperimentojn kun japanaj beletraĵoj kiel materialoj. La objekto de lia tria eksperimento estis ĝuste *Krabŝipo*. Tiucele li anticipe alvokis la legantojn provi japanigi la komencan eron de *Krabŝipo* kaj sendi sian tradukaĵon al la redakcio. Li elektis kaj publikigis el inter ili du kaj li komentis pri ĉiu el tiuj du.

La dua estis la Verda Majo (Japane Hasegawa Teru 1912-1947), kiu poste gloriĝis kiel la aŭtorino de *En Ĉinio batalanta* (Chongqing 1945), kiu miaopinie povintus fariĝi ĉefverko ne nur de la esperanta literaturo sed eĉ de la monda entute, se ĝi estus finverkita: Ĝi restis bedaŭrinde torso, ĉar estis verkita nur ĝia unua triono kaj la aŭtorino mortis, ĝin ne finverkinte.



*Supre: La kadavro de Kobayasi Takizi. La nigraĵoj sur ĝi montras la internan hemoragion (sangadon/red.) kaŭze de furioza torturado fare de Tokkô, la japana sekretpolico. Malsupre: La dorsa flanko de la kadavro.*

En tiu tria eksperimento li fine prezentas sian propran tradukon de tiu ero kaj kiel la titolon de la novelo li proponas *Krabŝipo-n.* Kaj mi adoptis tiun titolon, ĉar kvankam la japana titolo signifas, kiel tiu de la rusa traduko: *Krabkonserva fabrikŝipo,* ĉi tiu estas tro longa kaj peza des pli ke la japana titolo *Kanikôsen* estas konciza kaj simpla. Mia elekto montriĝis bona, ĉar poste mi eksciis ke ankaŭ ŝipo, kiu kaptas balenojn, nomiĝas en Esperanto simple kaj koncize: balenŝipo.

Kuraĝigite de Incertov mi komencis japanigi tiun ĉefverkon ne nur de Kobayasi Takizi, sed eĉ de la proleta literaturo de Japanio entute. La unua problemo, kiun mi frontis ĉe tio, estis, kiel plenigi la lokojn, kiujn oni forcenzuris, ĉar ili estis ege multaj. Kion fari? En tiu kvazaŭa senelirejo min savis Kisi Yamazi (1899-1973), proleta verkisto kaj amiko de Kobayasi Takizi, kiu editoris post lia morto lian trivoluman plenan verkaron kaj kiel tia sciis, kiel plenigi ĉiujn forcenzuritajn lokojn. Li do bonvolis donace sendi al mi ekzempleron de *Kanikô-sen* eldonita en 1933 kiel volumo de poŝlibretaro *Kaizô (Rekonstruado)*, en kiu ĉiu forcenzurita loko estas manskribe zorge plenigita. Cetere, miaflanke mi ofte kontribuis al la monata beletra revuo *Bungaku Annai*, kiu sur ĝia kovrilo portis klarigan titolon esperantan *La Gvidanto Literatura*, kies ĉefredaktoro estis Kisi Yamazi, per tradukoj el la tri lingvoj, kiujn mi tiam scipovis: Esperanto, la rusa kaj la angla. El Esperanto mi japanigis por ĝi aŭtobiografieton de Kuzmiĉ sub titolo *Miaj literaturaj bataloj* kaj specialan korespondaĵon el Ŝanhajo de Ĵelezo (Ye Laishi) sub titolo *Ni kolektive verkas 'Tagon de Ĉinio'.* Ankaŭ Verda Majo publikigis en ĝi, antaŭ ol ŝi forveturis al Ĉinio, novelon *Johano Korbejo* de Karikas Frigyes, kiun ŝi japanigis el la esperanta libro *133 Tagoj de Sovet-Hungario* eldonita de EKRELO en 1930.

Kiam mi komencis japanigi *Krabŝipo-n,* montriĝis ke tiu estas efektive ega, malfacila laboro. Interalie en ĝi troviĝas sufiĉe multaj aferoj kaj vortoj propraj al Hokkaidô, sekve nekomprenblaj eĉ al Japanoj ekster tiu insulo. Ekzemple la vorto takazyô. Ankaŭ ĉe tio etendis al mi sian helpan manon Kisi Yamazi, kiu klarigis ĝin al mi surbaze de tio, kion li demandis al Kokaidô-ano, ke ĝi estas dialekto de zikatabi, tio estas tabio kun kaŭĉuka plandumo, kies paron uzas precipe konstrulaboristoj anstataŭ ŝuoj.

Mia traduklaboro tamen progresis iom post iom, kvankam malrapide. Kaj ĝi estus eldonita de EKRELO, se ne okazus preskaŭ samtempe du malfeliĉaj aferoj en Japanio kaj en Sovet-Unio. Nome en Japanio mi estis arestita la 19-an de majo 1937 kaj liberigita nur la 9-an de februaro preskaŭ du jarojn poste, kiam Japanio jam troviĝis en la mezo de sia milito kontraŭ Ĉinio kaj kontakto kun Sovet-Unio estis tute ne ebla. Kaj en Sovet-Unio en la jaroj 1937 kaj 1938 okazis amasa arestado de ĉiuj funkciuloj kaj aktivuloj de SEU tiel metinte la finon al la tuta Esperanto-movado en ĝi. Arestiĝis ankaŭ Incertov kaj li ne plu revenis. Do malaperis por ĉiam ankaŭ EKRELO.

Tiel restis mia esperanta traduko de *Krabŝipo* neeldonita, nek iel ajn utiligita, ĝis 1951, kiam slovaka traduko farita laŭ ĝi eldoniĝis en Bratislava ĉe eldonejo de Práca (Laboro), ĉiutaga gazeto la plej granda post Pravda, la ĉiutaga organo de Komunista Partio de Slovakio. *Krabŝipo-n* slovakigis Imrich Zálupsky, redaktoro de Práca.

Estante esperantisto li aktive utiligis Esperanton en sia ĉiutaga laboro. Ekzemple li tradukis en la slovakan ses novelojn, kiuj tiel aŭ alimaniere bone priskribas la vivon de japanaj laboristoj, kiujn mi esperantigis laŭ lia peto escepte de *Ĉevalo* de Tokunaga Sunao. Ĉi tiun mi prove esperantigis kaj sendis ĝian tajpkopion al ĉina esperantisto Zhan Hongfan (pseŭdonime Honfan), kun kiu mi komencis korespondadi responde al lia letero sendita al Japana Esperanto-Instituto publikigita en la aŭgusta numero 1947 de ties organo *La revuo orienta.*

Honfan rekopiis ĝin per sia tajpilo kaj sendis al Zálupský kun kiu li jam korespondadis, sciante ke ĉi tiu volonte slovakigas kaj publikigas en Práca ion similan. Ege feliĉa ricevinte ĝin de Honfan,

li senprokraste skribis al mi leteron, per kiu li petis min japanigi novelojn kiel *Ĉevalo* promesante ilin ĉiujn slovakigi kaj publikigi en Práca. Pro tio mi esperantigis unu post la alia kvin aliajn novelojn, kiuj estas: *Letero el cement-barelo* de Hayama Yosiki (1894-1945), *Viro kiu ne aplaŭdis* de Huzimori Seikiti (1892-1977), *Fruprintempa Vento, Krizantem-floro* kaj *Radikoj* de Makano Sigeharu (1902-1979).




El tiuj ses noveloj kiujn mi esperantigis, la unuaj kvar estis poste publikigitaj en *Literatura Mondo* kaj la du lastaj en *Internacia Kulturo,* kompreneble ĉiuj en sia esperanta traduko. Kiam Zálupský eksciis de mi ke mi havas ĉe mi la esperantan tradukon de *Krabŝipo,* li kompreneble tuj petis min ke mi sendu ĝin al li. Mi volonte plenumis lian peton. En Ĉeĥoslovakio la ĉeĥa traduko fare de Vlasta Hilská, pionira japanologino en tiu lando, estis jam eldonita en 1947. Ĉar ĉiuj kleraj slovakoj kapablas bone legi ankaŭ ĉeĥajn tekstojn pro ega simileco de la lingvoj ĉeĥa kaj slovaka, kiuj ja estas du frataj lingvoj el la okcidenta branĉo de la slavaj lingvoj, Zálupský deziris al sia slovaka traduko de *Krabŝipo* aldoni ion novan kaj allogan.

Do, post interkonsiliĝo, ni, Zálupský kaj mi, decidis peti de Kurahara Korehito, supre menciita, kontribui al la slovaka traduko antaŭparolon, de Nakano Sigeharu, ankaŭ supre menciita, postparolon, kaj de Utida Iwao (1900-1953), majstra artpentristo, desegni la kovrilon kaj kelkajn ilustraĵojn. Kaj mi skribe petis pri tio ilin tri. Feliĉe ili ĉiuj volonte plenumis tute senpage nian peton, ĉar sendube ili bone komprenis la gravecon de tiu afero, plue ĉar ĉiuj el ili bone konis min persone kaj krome ĉar ankaŭ mi estis tiam ano de KPJ same kiel ili tri.

Tiel la slovaka traduko de *Krabŝipo* eldoniĝis multe pli enhavriĉa ol la ĉeĥa, ĉar ĝi havis la antaŭparolon de Kurahara Korehito, estrarano respondeca pri kulturaj aferoj de KPJ, kaj la postparolon de Nakano Sigeharu, ano de ĝia Centra Komitato. Bedaŭrinde ial la kovriloj kaj kelkaj ilustraĵoj desegnitaj de Utida Iwao ne estis uzitaj. Eble tion kaŭzis ankaŭ la cirkonstanco ke Zálupský forestis en Bratislava ĝuste kiam oni preparis la eldonon, pro tio ke li, rezerva oficiro, estis neatendite mobilizita en la armeon pro akriĝo de la malvarma milito. La postparolo de Nakano titolita *Pri la fluoj de la prolet-revolucia literaturo en Japanio* estas publikigita en japana originalo en multvoluma plena verkaro de Nakano Sigeharu, kiu aperis eĉ dufoje.

Estas kompreneble preferinde traduki eksterlandan beletraĵon rekte el ĝia origina lingvo. Tamen en la kazo de la slovaka traduko de *Krabŝipo*, ĝi superas la ĉeĥan ankaŭ ĝuste pro tio ke ĝi estas farita laŭ la esperanta traduko, ĉar ĉi tiu baziĝas sur la plena japana teksto sen iaj ajn forcenzuritaj vortoj, dum la ĉeĥa estas farita laŭ la japana teksto de la poŝlibretaro de Kaizô el 1933, en kiuj tre multaj vortoj estas forcenzuritaj. Krome en la komenco de *Krabŝipo* troviĝas jena frazo: Sur la ferdeko kun boatetoj la kapitano fumas cigaredon promenante kvazau 'generalo'.

En ĉi tiu citaĵo signifas generalo altrangan anon de moderna armeo kaj estas tradukita tiel ĝuste en la slovaka traduko,

farita laŭ mia esperanta traduko, sed en la ĉeĥa ĝi estas tradukita: šógun, la ĉeĥa ekvivalento de ŝoguno, laŭ Plena Ilustrita Vortaro efektiva regnestro en la feŭdisma epoko de Japanio (1186-1868). Nome en la japana la vorto ŝoogun signifas du aferojn : 1) ŝogunon kaj 2) generalon de moderna armeo. Estas klare ke en la kunteksto ĝi signifas la duan. Kial do Hilská ĝin erare ĉeĥigis šógun (ŝoguno)? Sendube ĝuste pro tio ke ŝi estis japanologino, specialistino pri Japanio: Ŝi sciis la japanan historion kaj ĝuste tio servis ĉe ŝi kiel stumblilo, ŝtono de falpuŝigo laŭ *Proverbaro Esperanta*. Io simila okazas ne malofte ĉe specialistoj, sekve ankaŭ ĉe mi mem, konata en Japanio kiel specialisto pri Ĉeĥio kaj Slovakio. Ĉirkaŭ 1950 mi provis eldonigi mian esperantan tradukon ĉe SAT kaj sendis kiel specimenon ĝian unuan ĉapitron al Norbert Barthelmess, kiu estis ne nur ĝia Ĝenerala Sekretario, sed ankaŭ prizorgadis ĝiajn eldonaferojn. Lia respondo estis pozitiva, ĉar li skribis al mi responde ke mi sendu al li ankaŭ ĉiujn ceterajn ĉapitrojn. Se mi agintus laŭ liaj afablaj vortoj, *Krabŝipo* jam delonge estus eldonita de SAT en mia esperanta traduko.

Sed mi - kia stultulo! - estante ankoraŭ blinda komunisto, letere petis konsilon pri tio de Assen Grigorov, kiu estis tiam la ĉefredaktoro de *Internacia Kulturo*, komunisttendenca internacia esperanto-revuo, ĉar por mi li estis tiam brila antaŭulo kaj literature kaj politike: literature li estis bone konata kiel la aŭtoro de la poemaro *Ruĝa Aŭroro* kaj la novelaro *La Himno*, ambaŭ aperintaj ĉe EKRELO, kaj politike li estis siatempe privata sekretario de Georgi Dimitrov, la Ĝenerala Sekretario de Kominterno, kiu faris en ties sepa kongreso, okazinta en 1935 en Moskvo, historian raporton pri neceso ke komunistoj unuiĝu en popolan fronton kun socialdemokratoj kaj ĉiuj aliaj kontraŭfaŝistaj elementoj, forĵetinte sian ĝistiaman sektismon, kiu manifestiĝis precipe en tiu ke ili insultis socialdemokratojn eĉ socialfaŝistojn[3]. Ĉio ĉi de Grigorov tiam tiom imponis min ke mi blinde sekvis lian konsilon: "Ne sendu la tradukmanuskripton de *Krabŝipo* al SAT", kiu ja estas laŭ li kontraŭrevolucia organizo.

Do, mi ne sendis al Nobert Barthelmess la ceterajn ĉapitrojn. Kaj tiel mia esperanta traduko de *Krabŝipo* restas ĝis nun neeldonita.



KURISU, Kei, la aŭtoro.
*Japano, naskiĝis en 1910, loĝas en Hino (Japanio), specialisto pri ĉeĥa kaj slovaka lingvoj.*

---

1 *Riporto skribita en pendumila maŝo*, esperantigita de Rudolf Hromada, reviziita kaj kompletigita de V. Novobilsky kaj O. Knichal, 1979, Prago.
2 *La dek-kvina marto 1928*, esperantigita de Nukina Yositaka,1987, Osako.
3 *La laborista Klaso Kontraŭ Faŝismo*, esperantigita de V. Kolnĉinskij, 1935, Ĥarkovo.

# WOLFGANG KOHLHAASE

# INVENTO DE LINGVO

EL LA GERMANA TRADUKIS
MICHAEL J. SCHERM

Oni vokas dek numerojn tra la laŭtparolilo; la deka estas la lia. Straat sentas nek timon nek esperon. Li iras el la vico, ŝanceliĝas inter dorsoj kaj vizaĝoj ĝis la fino de la bloko, turnas sin dekstren kaj iras per penaj paŝoj al tiu viro, kiu lin alvokis kaj kiu staras sur podio, antaŭ sia katedro kun paperoj kaj mikrofono.

Estas aprilo, en la jaro kvardek-kvar. Straat, la deka en la vico, kiu sin starigas, vizaĝojn al la muro, estas morte laca, kvankam frua tago, kvankam li estas tiom juna. La ĉielo kiun li vidas, kiam li levas la rigardon trans la tegmenton de la garda domo, estas malalta kaj malseka. Iom laŭlonge sub la nuboj, iom ĉirkaŭ la tero, tie situas Holando. De tie oni alportis Straat-on, kune kun kvin aliaj, antaŭ cent tagoj, antaŭ longa, longa tempo. Kial? Por ke li ŝvitu, por ke li frostu, por ke li portu ŝtonojn, ricevu batojn, kuŝu en koto, dormu sur bretoj, manĝu putran legomon kaj finfine ĉesu esti. Sed antaŭe, ankoraŭ spirante, ankaŭ rigardante, li forgesu, kiu li estis. Preskaŭ li jam forgesis, kiu li estis. Li jam preskaŭ forgesis tion. Ne penseble ke tie ankoraŭ ekzistas laŭlonge de la firmamento la loko, en kiu li naskiĝis, en kiu estas grundo kaj akvo, la gepatroj, la vesperoj, la alia odoro de la knabina klaso, la iloj malantaŭ la vitra ŝrankopordo, la fiziko.De tio ses semestroj, nepenseble. Ĉar la leĝo pri la konservado de energio ja ne plu validas. Ne validas por tiuj, kiuj kuradas kun ŝtonoj trans la grandan ŝtuparon, sub la bastonoj, antaŭ la vizieroj, de mallumo al mallumo. Ses studentoj pri fiziko, kvin pereis. La lasta, morte laca, estas Straat. Kaj li ne iras ĉitage en la ŝtonminejon, ĉar lia numero estas alvokita.

Dek viroj, sed kien ili iras? En la bunkron? En la malsanulejon? Tute antaŭe kuras iu Kapo* en blanka jako, kiu gvidas ilin en la kuirejon. Domo el ŝtono, ene kahelita. Ses brile puraj kaldronoj, en kiuj oni kuiras la supon fiodoran. Sed pro la supo oni ilin ne vokas. Oni vokas ilin pro la terpomoj.

La komandanto okazigas kamaradecan vesperon. La postenoj, la batmortigantoj, la kvestoroj, la gardistoj, la materialadministrantoj, la torturantoj, la oficejskribantoj, la kuracistoj, ĉiuj kunsidas komforte tiuokaze ĉe longaj tabloj kaj la vespero baziĝas sur tri kolonoj: Unue kamaradeco, due biero, trie rostita porka□ĵo kun terpomsalato. Tial staras dek taburetoj en kampeja kuirejo, apude dek korboj kun terpomoj, antaŭ tio dek potoj por la rubaĵo, en la mezo metala kuvo kaj sur unu de la taburetoj sidas Straat.

Estas varme kaj senbrue en kuirejo. La proksima ŝtonminejo estas tre fora. En apartaĵo apud la pordo sidas SS-viro* kaj

legas. Nur la Kapo foje sin starigas al la terpomŝeligantoj kaj observas ilin. Neniu malicaĵo, faka intereso. Tamen la fingroj de Straat komencas tremi. Li ne estas sperta, la ŝeloj iĝas tro dikaj, progresas malrapide en la ombro de la Kapo, kiu rigardas liajn manojn. Tiu foriras kaj revenas. Straat laboras pli haste, sed vane; jam li aŭdas la demandon: „Kion ci faris antaŭe, ci?"

„Studento", diris Straat kaj ne rigardas alten kaj ne ĉesas senŝeligi per flirtantaj manoj. Do, tuj li ricevos piedbaton. La *SS*-viro malantaŭ la vitro ekrigardos de sia libro. Kaj poste? Sed la Kapo nur diras: „Studado estas finita, ĉu?"

Tagmeze ili ricevas poton da vaporanta supo, de supre, kie flosas kelke da viandfibroj. Poste, duan poton, plenan ĝisrande. Ekstere Straat apogas sin al la muro de la kuireja konstruaĵo enhavante la tutan supon en la skeleto, trankvila. Subite nenia malsato. Ne la ŝtonminejo. Nenia kriado. Fore sub la elektrika barilo, kie neniu rajtas iri, li malkovras iun etan verdaĵon kaj li memoras. Estas aprilo. La Kapo observas lin, vagas al li kaj demandas: „Kion ci studas, ulo?"

„Fizikon".

„Komprenas", diras la Kapo en la tono de inicanto.

Posttagmeze Straat havas malpli da timo, kiam li starigas sin apud li. Iomete da sunbrilo falas oblikve en la kuirejon, la terpomoj falas - plum! - en la akvon. La regula teamo, en blankaj antaŭtukoj, tranĉas panon por la venonta tago; kiu povas supozi ke de tempo al tempo iu mortas, en la sablo, ne tro fore. La Kapo denove staras ĉe Straat kaj havas la bezonon sin sciigi.

„Malbenite, kiam mi sukcesos elveni de ĉi tie", li diras, „post la milito, tiam mi venos al Persio."

La Kapo nome havas, tiel li rakontas al Straat, fraton en Persio, kiu lasteblece foriris, en tridek-naŭ, kaj nun li komforte sidas tie kaj estas granda negocisto, kaj la Kapo sidadas ĉi tie kaj estas idioto.

„Ci estas holandano", diras la Kapo.

„Kion vi opinias, ĉu Persio estas bona?"

„Certe bona", diras Straat. Li senŝeligas kaj senŝeligadas, nur li senŝeligas ne plu tiom rapide. La Kapo, en mola lumo posttagmeza, kapjesis kiel iu, kiu sentas sin komprenita kaj komencas suspiri.

„Domaĝe pro la tempo, la bela tempo. Se oni almenaŭ povus lerni la persan."

Li aflikte rigardas. Honestaj kamaradecaj sulketoj en la vizaĝo, viro preskaŭ kvardekjara kaj sufiĉe bone nutrita, kompare kun la ruinoj, kiuj jen sidas en la rondo. La sorto ĵetis kaj poste levis lin, sed en merdaĵo li tamen estas. Jes, ja mia kara. Straat subite aŭdas sin diri: „Mi scipovas la persan."

La Kapo longe rigardas lin el palaj bluaj okuloj, komence ne kredante, poste dubante kaj fine preskaŭ kareseme.

„Ĉu ci scipovas la persan?"

Straat kapjesis kun rigidaj trajtoj.

„Venu kun mi."

La Kapo kuregas antaŭen, Straat falantete sekvas lin en la oficejon.

„Do, nun diru al mi de kie vi scipovas la persan".

Jam ne plu estas revojo por Straat. Oni ne faras ŝercojn kun iu Kapo, des malpli, se oni bezonas nur puŝon por fali kaj ne plu restari. Straat ankaŭ ne volas fari ŝercojn. Precipe li ne volas en la ŝtonminejon, kie li mortaĉos. Li volas restadi en la kuirejo, kie li sidas sur la tabureto kiel homo kaj senŝeligas terpomojn kaj kie li ricevas supon. Li nur timas ke sia voĉo fiaskas, tamen ĝi ne forlasas lin. Li diras:

„Mi estis en Persio, antaŭ la milito."

„Ulo, ĉu ci scias, kio okazos, se tio ne veras?"

Straat havas tiom da teruro en la rigardo ke la Kapo certas, tiu scias pri la konsekvencoj.

„Ek, kio signifas *bonan tagon* ?"

*„Dalam"*, diras Straat.

„Kaj *merdo* ?"

Straat longe pripensas, la Kapo tuj malpaciencas.

„Devas ekzisti vorto pri merdo."

*„Tupa"*, diras Straat.

*„Tupa"*, emociite ripetas la Kapo. Poste li diras: „Nun vi senŝeligas por via vivo."

Nur tiom, kion ili parolas. Efikas multon. Ekzemple ke la kuireja Kapo Battenbach ekhaltigas la SS-suboficiron Roeder, kiu denove aperas post vasta manĝotempo. Li klarigas al li, ke li, bezonadas ekde longe unu pluan viron en la kuirejo. Neniam li estus trovinta la ĝustan, sed nun li rimarkis iun, kiu posedas apartan lertecon. La suboficiro kapjesas je ĉi tiu parolado. Li ne kontraŭas ekvidi tian elstaran viron. Kun Battenbach malantaŭ si, li iras kvazaŭ stilzbirdo al la terpomŝeligantoj kaj observas la duone malsatmortantan, antaŭe studenton pri fiziko dum ses semestroj, sed tio ne interesas Roeder. Kio lin interesas, tion li vidas, nome ke ĉi tiu viro eĉ ne povas imagi kiel oni senŝeligas terpomojn, eĉ kiam li malespere klopodas. Sed pri tio ne temas, ĉar la suboficiro dufoje dum la semajno kunprenas pecon da kolbaso, dimanĉe rostaĵon kaj kelkfoje kubon da margarino. Ĉio devenas de Battenbach. Sekve Roeder kapjesas la duan fojon kaj revenas al sia apartaĵo kaj notas nomon kaj numeron sur paperfolieton. Tiu atingis iom malfrue la laborstatistikon. De tie al la labordisdonanto. Kaj venontan matenon, kiu ascendas malsekete super la apela loko, revenas Straat kiel solulo de dek terpomsenŝeligantoj al la kuirejo, kie Battenbach afable frapas lin sur la ŝultrojn.

Pli ol antaŭe, estas nun Straat tiu viro por Battenbach. Ĉi tiun oni ne forbrulu je ostocindro. Ĉi tiu ricevos supon kaj panon por ke li resaniĝu. Domaĝas pri tia persono, diras al si Battenbach kaj frotas siajn manojn, kvankam li estas arestita pro prostitucio; nepolitika li estas, sed ke li nun lernadas la persan, tion ili ne malebligos. Ankaŭ Roeder ne povas scii tion, kiu dum la unuaj tagoj vagadas ĉirkaŭ Straat kaj provas pensi ion, sed tion li ne povas scii ke aparta lingvo kunligas la satan Kapo-n kaj la malsatan Straat-on. Sed ke ĉi tiu lingvo tute ne ekzistas, tion eĉ Battenbach ne povas scii. Tion scias nur Straat. Li sola fiksas la regulojn kaj vortojn: Kiom da vortoj li bezonos, je kiom da tagoj?

Tagmeze, kiam la suboficiro Roeder estas for por manĝi, Battenbach vokas Straat-on en la oficejon, sidiĝas atente malantaŭ la tablo, antaŭ si havante glatigitan paperon kaj krajonstumpon, preta lerni la persan. Je la unua tago li interesiĝas pri ĝeneralaĵo de Persio. Straat tie

lasas esti varmega, lasas esti la virinojn belaj kaj la malriĉulojn povraj kaj la riĉulojn riĉaj. Battenbach estas kontentigita, tiel li imagis tion. Li mem devenas el la plezurbranĉo. Ĉu tiu ankaŭ ekzistas? Ĉu prostituejo? Straat ne tuj komprenas. Battenbach klarigas. Jes ja, kompreneble nepre, diras Straat. Kaj Battenbach kapjesas. Estas tiel, kiel li pensis. Sed nun li volas scii kelkajn vortojn: Brando, polico, dankon, nedankinde, tablo, seĝo, lito, kantino, kotleto. Straat ne povas heziti, ne je la unua tago. Li ĉion nomas laŭ la vico: Alan, monato, laps, nam, toki, sol, oltok, runidam, kotelett. Tio estas pruntovorto, diras Straat, tio estas internacia.

Pezmane Battenbach notas ĉion. Vespere sub la ĉifonita kovrilo, ŝultron al ŝultro de najbaro, kiu havas la saman tabulkuŝejon, paraliza laceco malantaŭ la okuloj. Do, vespere Straat serĉas vortojn, sed precipe sistemon. Per ties helpo li povas memori ilin. La peza spirado de la senfortiĝulo ĉirkaŭas lin. La viro apud li dorme ĝemas, la lipoj de Straat formas signifojn, kiuj neniu iam aŭdis: Or, tal, mel, met, meb; tio signifas: Mi, vi, li, ŝi, ĝi.

Battenbach batas lin per pugno inter la okulojn, piedpuŝas kontraŭ lia tibio, puŝas lin kontraŭ la muro. Battenbach tremadas pro furiozo kaj seniluziiĝo. Temas pro *runidam*, la persa vorto pri kantino. Straat inventis ĝin je la unua tago kaj nun, kiam Battenbach demandas pri tio, li forgesis ĝin. Kaj Straat sciis, ke ion li forgesis, sed Battenbach ne lasis lin ĵeti rigardon sur sian paperon kaj atendis du tagojn kaj notis novajn vortojn. Li lasis sin literumi ilin nur por ke Straat ne vidu trans la ŝultron kaj nun li kaptas lin inter la pugnoj kaj li surveturos ĉi tiun holandan porkulon antaŭ ol pasos la tagmeza paŭzo. Jam pasis dek jaroj, kriis Straat malespere, kiam li estis en Persio, tiam ankoraŭ infano kaj *runidam* estas tre malofta vorto. Nur hazarde li memoris pri ĝi. Kantino pradire signifas *mardam*, sed se li ne ricevos paperon kaj krajonon, li ne povos refreŝigi sian memoron post tiom longa tempo.

„Mi lasas cin mortaĉi", diras Battenbach. Poste ili silentas. Straat apogas sin al la muro kaj rigardas la Kapon per timemaj okuloj. Tiu fiksrigardas la frunton de la junulo, super kiu grize streĉas la haŭto; li vidas frapi la vejnon en la tempio. Damne, se li povus rigardi al li en la kapon. Dubo ŝteliĝas en lian malkonfidon, dubo, kiun li volas cedi. Ĉar post kelkaj tagoj la lingvo alkroĉis sin en lia animo. Dum la vesperoj vantaj, vidante tra sia fenestro la apelplacon, plenumita de apatia malamo pri la mondo, plagita de memoroj pri virinoj, li subite estiĝis viro per helpo de malfacile lerneblaj persaj vortoj. Viro, kiu utiligas la horojn, plupensas kaj kiu havas siajn sekretajn, vastajn planojn.

„Junulo, se ci trompas min. Se ci ne scipovas la persan", diras Battenbach kaj la monstreco de la penso lasas ŝanceligi lian voĉon. „Mi povas", diras Straat. „Mi scipovas la persan. Estas nur longtempa distanco". Ekde nun Straat disponas pri krajono kaj papero. Estas riĉaĵoj, pro kiuj oni povas veni en la bunkron. Se ili kaptas lin pro tio, Battenbach scias nenion. Straat kaŝas la krajonon en la ŝuo kaj la paperon en la ĉapo. Super la cerbo, inter la tondita hararo kaj la ĉapa ŝtofo, li portas la lingvon. Dum la apelo li devas atenti, precipe kiam venas la ordono „Mützen ab!"* La lingvo povas elfali. Oni povas malkaŝi ĝin kaj forpreni ĝin al li. Tiam li estos perdita, kio ajn okazos. Liaj gardistoj aŭ lia disĉiplo mortbatos lin. Ĉiun vesperon li ankaŭ kaŝas panon aŭ kelkajn terpomojn en sia vestaĵo, kiujn li alportas al litkamarado, al elektristo el Groningen, kiu pesas nur naŭdek funtojn, nun en ŝtonminejo.

Pri sia lingvo Straat laboras nokte. Li distordas literojn kaj silabojn, tiele li

inventas vortojn. La apartaj germanaj instalaĵoj, kiuj lin ĉirkaŭas, eniras en la lingvon. Kiam li donas al ili sonon, kiu forportas lin, ne al Persio, sed en fremdan kaj trankvilan mondon, dum tiaj momentoj li eskapas al ĝia terura graveco. *Ciejo, maci, marek, kemao, ikre, ame, mejo, came, kreci, ciama, mecori kamejo, emarki, kremac, arem, ojeja, ma, merk.*

Ĉion li ĉerpas el *kremaciejo.* Tielmaniere ankaŭ per aresto aŭ barako, per ŝtonminejo kaj dorndrato kaj mem per Battenbach, lia protektanto, kiu tiamaniere lernas el si mem. El la grasa, nigra *fumo* iĝas *muof,* la vento.

Straat skribas en mallumo siajn vortojn sur sian paperon, plej eble malgrande. Li kaŝas la paperon en la ĉapo kaj metas la ĉapon sub la pajlosakon. Li inventas ne pli ol kvin vortojn dumnokte, tridek dum la semajno, tio sufiĉas ankaŭ por Battenbach. La dimanĉon ili transsaltas. Straat ĉiutage manĝas du telerojn da supo, iĝas pli fortika, rimarkas la estiĝon de la somero. De la foraj kampoj venas odoro de floranta lupino. Iu holandano el la laborstatistiko atendas lin en la latrino.

„Kion vi faras ĉiun tagmezon kun la Kapo en la apartaĵo?"

„Ĉu tio koncernas vin?" diras Straat suspekteme.

La alia indulge rigardas lin. Li diras: „Vi ne hazarde estas veninta al la senŝeligado de la terpomoj. Ni aldone notis vin, ĉar vi estis la lasta de la studentoj. Por ke vi ricevu unu ripoztagon." Li faras paŭzon. Li diras: „Kaj poste Battenbach postulis vin. Kial?"

Silento. Krom la susuro de la verde irizaj muŝoj. Kaj Straat vidas en la okuloj de la alia ne nur suspekton, sed timon kaj kunsenton, sed ankaŭ senindulgon kaj rigorecon. Li antaŭsentas ke la lingvo, kiun nur li konas, povas ne nur gardi, sed ankaŭ pereigi lin, ĉar ĝi levas lin super sian proksimulon. Tamen, li timas malkaŝi sian sekreton. Ankaŭ ne al tiu, kiu povas esti lia kamarado, do, kiu vere estas lia amiko? Plej eble la junulo el Groningen, sur la kuŝejo apud li, al kiu li kunportas panon, terpomojn, sed ankaŭ tiun li ne inicas.

Somero kvardek-kvar. La arĝentaj ŝnuroj de la bombaviadiloj haŭlas super la germana ĉielo. Straat faras vorton pri vivo, li nomas ĝin *sawal.* Kaj nun vorton pri pomarbo. Ŝerce, li tion nomas *pollimolli.* Ne pro Battenbach. Tiu lernas nombrojn kaj parolturnojn kaj aĵojn el la plezurbranĉo, propravole. Kiam Battenbach havas kapricojn, Straat inventas venĝovortojn. Unu el ili nomiĝas *suliduladornatlan.*

Battenbach volas rifuzi. Ĉagrenite li diras, ke li bezonas praktikan persan lingvon por la ordinara tago. Sed Straat klarigas ke oni tiel esprimas la enlande kutiman saluton, oni ne trairos eĉ unu pordon en Persio sen *suliduladornatlan.*

*„Tupa!"*, diris Battenbach kiel sperta perso. Dum la fizike ekzercita racio de Straat, ne plu stupora pro timo, inventas la fundamenton de iu lingvo, mortas ĉiutage ĉirkaŭe eble kvindek viroj. Semajnon post semajno, ilia karno forbrulas, ilia cerbo ŝuŝas, iliaj animoj veturas en la ĉielojn de sia kredo. Eble antaŭe ilia buŝo parolis lastan vorton, kiu iras longan vojon, tra homoj, landoj, fin-fine, povas esti, alvenas al tiuj, kiuj atendas ilin.

La lingvo de Straat atingos neniun alian ol Battenbach. Ĝi ne portas mesaĝon. Ĝi prezentas nenion ol sin mem. Ĝi savas tiun, kiu inventas ĝin, kaj duan, kiu pene lernas ĝin. Ĝi plimildigas aĉan hundon, tamen ne sangohundon. Cetere

ĝi estas senutila. Sed Straat bezonas la fantazion de la grandaj malkovroj, la kuraĝon de la grandaj hipotezoj, la penon de grandaj provoj por sia lingvo. Kaj Battenbach, kuireja Kapo, prostituisto el Hamburgo, bezonas la diligentan stulteconon, per kiu li sidis en lerneja benko antaŭ longa tempo.

Iun matenon, en aŭgusto, lia vizaĝo estas makula, la lango ŝveliĝas el la buŝo, oni forportas Straat-on de la apela placo, kie li falis, en la malsanulejan barakon. Dum tri tagoj, febre sonĝante, li kuŝas sur pajlo, sur la planko. La flegistoj aŭdas lin parolante konfuzan holandan, sed li ankaŭ balbutas sonojn nekompreneblajn, vortĉenojn sen senco. Eblas antaŭvidi ke li travivos. Li estas pli fortika ol aliaj, sed ĉu li ankoraŭ posedas sian racion?



La kampeja sanitaristo trairas la vicojn kun la injektilo. Per aero li sanigas ĉiujn dolorojn; kiu estas morta, tiu ne estas malsana. Kiam li aŭdos krii Straat-on, li deklaros lin freneza. Li notas lian numeron, poste li reŝovos la manikon por serĉi la vejnon. La flegisto tiros Straat-on per la piedoj en apudan ĉambron. Tie kuŝas la mortintoj, tie lin neniu aŭdos, tie lin neniu serĉos. Sed Straat reakiras sian konscion. Tra du fenestroj brilas la sunlumo, li vidas homojn kiel li, rigidiĝaj, farante rindindajn tortiĝojn de la lasta momento. Pupiloj estas por ĉiam fiksitaj, buŝoj vaste malfermitaj sen krio. Do, ĉu li mem vivas? Li havas voĉon, per kiu li povas hurli kiel lupo kaj li povas paroli vortojn, pri kiuj ĉiu miras, krom la silentaj kunuloj. Do, ĉu li apartenas al ili?

Antaŭ ol venas la zinklada kadavroveturilo kaj veturas dorsdirekte al la fenestroj, oni portas Straat`on, kiu febre ĉirkaŭbatas, en liton. Venonttage li estas pli trankvila. La flegisto, germano, rigardadas lin kapskuante. „Kamarado, kiujn strangaĵojn vi nur kriis, ni supozis vin freneza."

Kaj li frapetis sin kontraŭ la frunto. Straat estas tre malforta, li forgesas ĉian singardon.

„Estas la persa", li diras. „Sed ĝi estas ne la ĝusta persa. Mi nur elpensas tiun."

„Kion vi elpensas?"

„Lingvon", diras Straat.

Sekve ili do savis iun frenezulon. Tiel ŝajnas al la flegisto. La sorto estas blinda. Grandaj kleruloj pereas, ĉi tiu holandano bonŝancas. Entute li bonŝancas, ĉar la kuireja Kapo lasas ludi siajn interrilatojn kaj sendas al li plurfoje pecon da pano en la malsanulejan barakon. Straat resaniĝas kaj kiam la flegisto ankoraŭfoje demandas pri la lingvo, li pretekstas memori nenion. Kaj ankaŭ li kaŝas la timon pri la perdo de sia ĉapo. Li revenas en sian blokon, iu, kiu restaris el la mortintoj. Li vidas novajn vizaĝojn, ankaŭ sur sia kuŝejo. Li atendas la blokresponsulon*, kiu premas la manon al li. „Venu, mi havas ion por ci."

En la ĉambro de la blokresponsulo estas malfirmigita unu plankobreto. Sub ĝi la blokresponsulo prenas malpuran

pecon da ŝtofo, ne, neniun ŝtofpecon, sed ĉapon, kiun Straat turnas en la manoj kaj palpas la paperon; sur kiu estas skribita lia lingvo.

„Tiu, kiu estis apud vi, la elektristo, kunportis ĝin de la apelplaco.“

„Kie li estas?“, demandas Straat.

„Li iĝis malsana, post vi“, diras la blokresponsulo. „Li ne revenos.“

La blokresponsulo havas siblantan spiron kvazaŭ io estas rompita en lia nazo. Li diras: „Kunportu ion ankaŭ estonte el la kuirejo. Estas multaj, kiuj ion bezonas.“

Tiel ĉio pluiras. Straat denove ekoficas en la kuirejo, en la palbluaj okuloj de Battenbach brilas kontentiĝo. Battenbach neniun lasas perei. Tagmeze, kiam la suboficiro Roeder estas foririnta, li sidiĝas malantaŭ la tablo, enmane krajonstumpon. En la vizaĝo la humilecon de la lernanto. Lerni signifas *lifu.* Kaj Straat kontrabandas paperon, panon kaj terpomojn tra la kriegoj de la apeloj kaj vespere ŝultron ĉe ŝultro de nova apudulo, li inventas parolturnojn kaj frazojn kaj konstruas konjugacion kaj deklinacion. Ne plu nur por Battenbach, al kiu sufiĉas la kvanto farenda. Nun estas la lingvo mem, kiu lin pelas. Ankoraŭfoje minacas malkovro. Battenbach eksciis ke perso estis liverita. Vivanta persono, homo. Dum du tagoj vagas Battenbach tra la kampejo, per helpo de ĉiuj ruzaĵoj, kiujn li konas kaj provas trovi lin. Poste li trovas lin. Ne estas perso, sed hindo. Pluan tagon blasfemas Battenbach. „Kotokampejo ĝi estas. Inter ĉiuj aĉuloj ili havas eĉ ne unu person.

„La Führer* ne venis ĝis Persio“, diris Straat por konsoli lin. Povra, forlasita viro el Hindio.

Iĝis aŭtuno kaj iĝis vintro. Trans la apelplacon blovas glacia vento kaj kirlas mincan neĝon super la frostiĝintan teron. Tra la pordego kolono en ĉifonoj sin movas, senfine malrapide, piedon antaŭ piedo, venas el aliaj kampejoj en ĉi tiun kampejon. Ankoraŭ ili transvivis la marŝon kaj ekloĝas nun en la tendejoj, kiuj estas ĉirkaŭitaj de dratkradoj por kviete perei, nokte sub alte starantaj steloj, tage sub rapide flugantaj nuboj. Kelkfoje brilas la suno.



Malantaŭ la fenestro de la kuireja konstruaĵo, kie estas varme, provludas Straat elpensitan scenon kun Battenbach en la persa lingvo. „Mi estas sinjoro el eksterlando. Mi estas negocisto. Ĉu mi rajtas danci kun la sinjorino? *Ta muli asa okadir. Ta muli lem basarmelko. Neli ta ramadamda do.*

Iu majo venas. La pordegoj estas malfermitaj. Laŭlonge de la stratoj floras kaŝtanarboj. Kiu vivas, tiu iras, kien li volas. Straat revenos al Holando, li finos sian fizikon, iĝos instruisto. Li facile laciĝos, dum sia tuta vivo. Neniam li faros tion grandan, kion li plenumis. Li inventis lingvon, kiun li iom post iom forgesos. Battenbach atingos Persion, la imperion Irano, mirigita pri la stranga persa, kiun tie oni parolas.

Fino

Pri la aŭtoro: Wolfgang Kohlhaase, nask. 1931, ĉefe konata kiel scenaristo kaj unu el la plej gravaj filmfarantoj en la tiama GDR (Germana Demokrata Respubliko). Li komencis sian karieron kiel filmkritikanto.
Kelkaj jam produktitaj filmoj en GDR estis malpermesitaj. Ironie li komentis ĉi tiun malagrablan aferon: *La mondo estas labordivida, la unuaj produktas la filmojn, la aliaj malpermesas ilin.*

**Rimarkoj:**

***Kapo*** signifis en koncentrejo soldata grupestro



Wolfgang Kohlhaase

***SS*** estas mallongigo por **S**chutz**s**taffel, trad. Garda Taĉmento

***„Mützen ab!“*** „Deprenu la ĉapojn!“

***Blokresponsulo*** estis en la koncentrejo ankaŭ kaptito, la plej malalta en la hierarkio de la sistemo

***Führer***. Hitler nomis sin mem Führer, trad. Gvidanto

# ĈU OKAZIS ROLLUDO?

**de Ole Akim**

rakontaĵo

La vojaĝo al La Chaux-de-Fonds ekde longe estas planita, tial mia nuna antaŭĝojo. Ĉiam denove oni konatiĝis kun novaj homoj kaj estis ĉiufoje amuzo, eltrovi la devenon de aliaj vizitantoj. Miaj pensoj vagis kaj jam restis en la alte situanta urbo de la franca ĵuraso.

Subite ĉi tiu vojaĝo estis duba. Mia deksesjara filo, jam memstara kaj fidinda, volis fari tiel nomatan rolludon ĝuste dum ĉi tiu semajnfino kune kun kamaradoj.

Ĉi tiu maniero junece libertempi estis nova por mi, ankaŭ iom fremda, tamen mi simpatie observis ĉi tiujn noktajn kunsidojn kun antaŭe precize elpensitaj roloj. Ĉefo de la grupo estis mia filo Hajo kiu prenis nenion pli serioza ol la preparoj por ĉi tiu ludo. Plurajn paperfoliojn oni bezonas por unu sola figuro. Mi bone komprenis: Karakteroj estas komplikaj estaĵoj kaj per kelkaj plumstrekoj oni atingas nur banalan rezulton.

"Semajnfine, je la 30-a de oktobro, vi ne povos rolludi kun viaj amikoj, ĉar mi estos en La Chaux-de-Fonds; plej bone vi restu ĉe via patrino, kiu ĝojas pri via vizito. Krome, mi estos pli trankvila."

Tiu frazo estis kiel piedpaŝo sur tretmino. Kompreneble nun komenciĝis diskuto kaj disputo. Hajo estis diplomate kaj argumente subtenita de siaj du fratoj, iom pli junaj. Falis ankaŭ la vortoj 'memstareco', 'nekonfido', 'malnoviĝinta', 'komikaj opinioj'. Ili ree kaj ree ripetis la konatajn retorikajn demandojn, ili promesis seriozmiene ĉion : 'Kio povas okazi?', 'tion ni ja ofte faris!', 'Kio malbona estas en tio?' kaj 'kompreneble ni estingos la kandelojn!!'

Sed mi ne cedis. Sen mia ĉeesto ne okazos tiu rolludo. 'Mia prelego', kiun mi ne faros en mia gepatra lingvo, 'certe ne sukcesos pro la latenta maltrankvileco', la rolludantoj 'estus invitotaj plej kore por la venonta semajnfino'.

Fine, mia amiko kaj mi ekveturis gajhumuraj, □ŝoforis alterne la aŭton, enmetis kasedon 'La mantelo' de Gogol kaj aŭskultis atenteme la majstran rakonton, kiu komenciĝas esperplena kaj tamen kondukos al katastrofo neimagebla.

*

La Chaux-de-Fonds, alte situanta iom pli ol mil metrojn, en klara, freŝa aero, invitanta ankaŭ al promenado, donis pli ol miaj revoj esperis. Novaj vizaĝoj alvenis, kiuj ŝajnis multpromesaj. Precipe la saĝruze rigardanta bulgara muzikinstruistino, kiu plurfoje alrigardis min en la biblioteko. Mi ankaŭ ŝatis kontempli ŝin tiel ke mi perdis unue mian koncentradon, poste eĉ mian scivolemon pri libroj. Ŝi oberservis tion, ludetis iom per mia ekscito, elmetis celkonscie libron el la bretaro kaj komencis senpere rekomendi la biografion pri sia nacia heroo, Vasil Levski, la 'Apostolo de libereco'. Malgraŭ la belulino kaj la ruĝa libro, bele bindita kaj ornamita per ora leono, mi iom post iom povis regajni mian sinregon.

*

Mi eĉ sukcesis inviti ŝin vespermanĝi. Palpebrume ŝi opiniis ke ŝia ami-

ko René povus kompreni ke nur ni ambaŭ povus viziti restoracion – sen ĝenaj atestantoj. Tion mi tute ne atendis. La oferton mi tamen ne akceptis tielmaniere. Kunvenis René kaj mia amiko. Tre baldaŭ ni trovis agrablan lokon ĝuste antaŭ la varma lignoforno en iu itala restoracio.

La bela bulgarino sidis apud mi sur la benko. Ni sentas la varmecon de la alia, ni ĝuis ĝin, rigardis de tempo al tempo en la flamojn de la lignoforno el kiu seninterrompe estis lerte prenitaj flamkuko kaj pico. Forta ruĝa vino sur malplena stomako estis la tria varmiganta fonto ĉivespere. Ĉi tiuj fontoj garantiis la plej bonan babiladon. Spite al la rapide evoluinta simpatio inter la belulino kaj mi, invitis min la ĝis nun flanke estinta amiko de la bulgarino, René, veni al sia ĉambro por daŭrigi nian babiladon. Malgraŭ la bela virino, malgraŭ la nun efika alkoholo, ni trovis temon pri la svisaj dialektoj, poste pri lingvistiko ĝenerale. Longe post meznokto ni ĉesis nian seriozan babiladon. René sentis dum la tuta vespero mian lingvan intereson kaj donacis al mi grandanime parton de la iom post iom alportintaj libroj pri Interlingua, Ido kaj Esperanto. Kiom gravaj ili estu al mi iomete pli poste, mi ne povis antaŭvidi ĉimomente.

Tielmaniere ni pasigis pluan belan tagon – prelege, promene, kaj en la librejo, sen kaj kun la bela bulgarino, kiu ne volis ekskludi pli postan renkontiĝon en Parizo, kio min delogis dum la hejmveturado, kiun ni trapasis senakcidente, je agrablaj pensludoj kaj mallongigis la vojaĝtempon.

Akre strangaj aspektis la du aŭtovicoj en la hejma vilaĝa strato, proksime de mia tereno. Strato, kiu ĉiam estas sen parkantaj aŭtoj. Trapasis la babilema najbarino la straton. Ŝerce mi demandis ŝin, ĉu hodiaŭ estas io senkoste havebla? Mi ekridis. Al kio ŝi terurigite demandis min, ĉu mi do nenion scias? Mi sciis nenion, sed mucida suspekto ekkaptis min.

Kaj nun, post kelkaj metroj, preter la densaj piceoj, kiuj ne permesas rigardon al nia domo, mi vidis la bruligitan domon. Mia eksedzino tenis la manon de nia plej juna filo. Preskaŭ hezitante venis ambaŭ al mi, la kapon iomete klinita. *'Vi devas esti tre kuraga'*, ŝi diris per tremanta voĉo kaj en la vizaĝo de Barni estis videbla senfina tristo. Mia aŭto haltis, mi sidis tamen en ĝi. Por necerta tempo mi perdis ĉiun forton. Mi timis freneziĝi kaj pensis al la aliaj filoj, kiuj probable neglektis mian malpermeson. Certe ili kruele mortis en la flamoj.

Sed estis tute alie. De la picea flanko venis miaj junuloj preskaŭ hezitteme, iom palvizaĝe. Mute ili rigardis min. Ili ne kulpis pri la incendio. *'Ĉiuj viaj libroj forbrulis'*, murmuris la plej aĝa. Kvinope ni marŝis en la ruinon karbiĝintan. Tra maleolprofundaj cindrorestoj mi iris apud miaj tri filoj, kiuj tute ne rimarkis ke mi ĉimomente estis la plej feliĉa patro.

***

Maksimoj
de
Rochefoucauld

Nek sunon,
nek morton oni povas fikse rigardi.

*

Ni ne havas
sufiĉan forton por ĝisfine
sekvi nian prudenton.

*

Nia humoro taksas ĉion,
kion havigas al ni la sorto.

trad. Waringhien

RECENZO

# KIO ESTAS DEMOKRATIO?

80 demandoj kaj respondoj

*Originala titolo: Introducing Democracy: 80 Questions and answers. Elangligis Geoffry Sutton. UNESCO 1995. UEA 2000 por la Esperanta eldono ISBN 929017066 2*

Oni ne povas serioze diskuti kaj debati, se mankas precizaj esprimoj. Tion scias ĉiu specialisto en iu ajn fako. Politiko tiurilate ne estas escepto, kontraŭe: Ĝuste en aferoj politikaj emas ne nur kelkaj gvidantoj paroli pli malpli spongece, neklare kaj ambigue.

Aliflanke, la aferoj mem ofte estas nefacilaj, ili estas rigardataj diversmaniere tra la diversaj nacioj, kulturoj kaj malsamaj historiaj evoluoj. Do, kio estas demokratio ekde la unaj ideoj ĝis hodiaŭ?

En ses ĉapitroj kaj entute okdek demandoj-respondoj du aŭtoroj, David Beetham, prof. pri politiko kaj Kevin Boyle, prof. pri juro, provis doni superrigardon. La libro enhavanta 140 paĝojn estas komisia laboro fare de UNESKO kiel parto de ĝia eduka programo rilate al demokratio kaj homaj rajtoj. Al la okdek demandoj sekvas kompreneble ankaŭ okdek respondoj, kiuj estas ege koncizaj, eĉ tro. Plantu, la ĉefdesegnisto ĉe la franca ĵurnalo *Le Monde*, liveris dudek spritajn karikaturojn. La ses ĉapitroj temas pri

*1 Bazaj konceptoj kaj principoj*
*2 Liberaj kaj justaj elektoj*
*3 Regado malferma kaj respondeca*
*4 La rajtoj de la unuopulo kaj ilia defendo*
*5 Demokratio aŭ civila socio*
*6 La estonteco de demokratio*

Ne mankas la politikaj partioj, ne la amaskomunikiloj, ne la demando, ĉu libermerkata ekonomio necesas por demokratio, sed certe mankas la rolo de la grandaj asocioj, mankas ekzemple la influo aŭ kelkfoje malinfluo de la laborista movado,la asocio de la labordonantoj kaj aliaj sufiĉe influhavaj organizoj. Dezirinda an kaŭ estus indekso de la artikolvortoj.Tamen, jen estas libro bone komprenebla por granda cirklo de legantoj.

MJS



RECENZO

# PAĈJO, KIO ESTAS RASISMO?

Ĉu vi povas difini rasismon? Ĉu vi scias, kiu estas rasisto? Ĉu rasisto estas feĉulo kaj ĉu la rasismo estas malsano? La franca originalo titolas: „Le racisme expliqué à ma fille“ kaj tiu ĉi verko jam aperis en kelkaj lingvoj, ankaŭ en la germana. Pro ĝia nazia pasinteco oni tradukis la titolon strange, eĉ false aŭ almenaŭ miskomprene: „Paĉjo, kio estas fremdulo?“ Oni povas konstati ke la temo estas tikla kaj en Germanio oni evitas la esprimojn „raso“ kaj „rasismo“. Kompreneble ekzistas rasismo en Germanio - kiel ĉie tra la mondo.

Por respondi al la juna filino, la aŭtoro prenis la demandojn de kelkaj junuloj, ekzemple: Kio estas diskriminacio, getto, rasisto, socikulturaj diferencoj, genetiko, heredeco, klonado, ekstermado, antisemitismo, genocido, etnoj, apartismo kaj multaj aliaj. Sed la valoro de tiu ĉi libreto, kiu ampleksas 52 paĝojn, ĉefe venas el la pedagogie faritaj respondoj. Kvazaŭ dialoĝe kaj interparole evoluiĝas ekkono kaj komprenemo; ekzemple:

*- Ĉu la rasistoj povas resaniĝi?*
*- Vi rigardas rasismon malsano, ĉu ne?*
*- Jes, ĉar ne estas normale malestimi iun ĉar tiu ĉi havas alian haŭtkoloron ...*
*- Resaniĝo dependas de ili. Dependas ĉu ili kapablas rekonsideri sian juĝon.*
*- Kiel oni rekonsideras sian juĝon?*
*- Oni faras al si demandojn, oni dubas, oni diras al si 'mi eble malpravas pensi tiel'......*

Ne nur ĉiu junulo, sed ankaŭ la plenkreskulo povas kompreni la enhavon kaj la uzitan lingvaĵon, kompreneble ankaŭ la bone tradukitan Esperanto-version de Armela Le Quint kaj Ĵak Le Puil. Nepre rekomandinda ĉi tiu verko.




*Tahar Ben Jelloun (nask. en Fes, Maroko,1944), ricevis en 1987 la plej prestiĝan literaturan premion francan, Premion Goncourt, pro sia romano La sankta nokto.*

*Edzo, patro de kvar infanoj, li vivas ekde 1971 en Parizo. Liaj verkoj estas tradukitaj en multajn lingvojn.*

MJS

# DJEMIL KESSOUS

# LA HOMO KAJ LA UNIVERSO
## MIZERO DE LA NEDETERMINISMO KAJ DE LA NEOLIBERALISMO

### ANTAŬPAROLO

En ĉi tiu artikolo mi provas resumi tion, kion mi skribis en miaj antaŭaj verkoj: *La ĝenerala teorio de la evoluado* kaj *Universalismo, ĉefa esprimo de la socia movado*[1] ... kaj eĉ diri iom pli... Tio ne estas facila. Ĉi tie, mi inventis nenion... aŭ preskaŭ... mi nur kolektis. La fontoj de tiu teksto estas homoj devenantaj de ĉiuj kontinentoj de nia planedo... Ofte, tiuj ĉi luktas, sin kontraŭ diras, sin forpelas, ofte ili ankaŭ interkonsentas, konverĝas, kuniĝas. Tio estas en la homa, en la universala naturo, kompreneble. Speciala averto sin trudas: tiu teksto havas difektojn, kompreneble, i.a. esti postulema; ĝia eteco (relativa) estas inverse proporcia kun la senlima temo, kiun ĝi pritraktas; ĝia karaktero sinteza, eĉ sendetala, povus foje aperi senaplombiga, devojiga; la leganto bonvolu pardoni min. Mi speciale dankas Christian Baudé pro lia kompetenta relegado kaj liaj trafaj korektoj.

### LA IDEOLOGIO DE ĤAOSO...

"Preskaŭ ĉiu universo, kies amplekso senĉese kreskas, ekzistas nur je stato de malordo kaj disiĝo. Ne endas forgesi ke la organizaj fenomenoj de kiuj dependas la ordo en la mondo - atomoj, molekuloj, astroj – estas malplimultaj, marĝenaj, ĉirkaŭlimigitaj, portempaj, neprobablaj, devojiĝaj. Ili estas etaj grumeloj, parentezoj,insularoj en la probabla oceano de la malordo.

Tiu aserto de la franca aŭtoro Edgar Morin prezentas bonan specimenon de iu koncepto, kiu vidas, regantan tra nia mondo, nur malluman ĥaoson. Tiu ideologio profunde stampis la 20an jarcenton, precipe ĝian finon. Pluraj kompletigaj trajtoj ĝin karakterizas:

- Fascinado de la malordo, kiel vidita ĉi supre.

- Ankaŭ fascinado de ia malcerteco devena de la teorio de la ĥaoso. La meteorologo Edward Lorenz konis sian famon ekde la 1960aj jaroj, kun la „efiko papilio", propono laŭ kiu, moviĝante en Japanio, flugilo de papilio povus okazigi ŝtormon en Brazilio.

Ĉefeco atribuita al hazardo kompare kun neceseco. *La hazardo kaj la neceseco*, libro verkita en 1970 de la franca biologo Jacques Monod kaj tradukita en multajn lingvojn havis mondan sukceson. Ĝi estas vera himno al hazardo. Monod skribas: „La universo ne estis graveda de la vivo, nek la biosfero de la homo. Nia numero lotiĝis je la ludo de la Monte-Karla kazino. Kio miriga ke, same kiel tiu, kiu gajnis unu miliardon, ni sentas la strang-

econ de nia kondiĉo ?" Poste, li konkludas sian verkon tiel: „Necesas ja ke la homo vekiĝu el sia jarmila revo por malkovri sian totalan solecon, sian radikalan strangecon. Nun, li scias ke, same kiel cigano, li estas en marĝeno de la universo, kie li devas vivi." [3]



- Ĉefeco atribuita al unuop(ul)o, al aparto, kompare kun universalo, al subjektulo aganta kompare kun objektivaj cirkonstancoj. Tiu koncepto finatingas la ekzaltadon de la homo kiel ĉefan, se ne ununuran, aganton de la historio. Tiu tradicio ekaperas en la 19a jarcento, en Anglio kun Carlyle, en Francio kun Blanqui, en Rusio kun Neĉaev kaj la nihilismo. Ĝi pluiĝas kun iu aktivisma tradicio de la anarkiismo, poste la anarkisindikatismo, la revolucia sindikatismo kaj aliaj movadoj de la rekta agado, kiuj pludaŭras ĝis nun. Plej ofte, ĉiuj tiuj movadoj estas kontraŭintelektaj, kontraŭ-racionalismaj.[4]

- Kontesto al la progreso, skizita en la 19a jarcento fare de la romantismo, kiu precizîĝas en la komenco de la 20a kun la revolucia sindikatisto Georges Sorel (*La iluzioj de la progreso*, 1908). La saman jaron, en sia tezo pri la franca romantismo, Pierre Lasserre (tamen ekstreme kontraŭromantisma) primokas „la halucino-n de la progreso".

Do, la ĝermoj de la ĥaosa ideologio kuŝas en multaj skoloj. En filozofio, ekzemple, oni trovas ilin en la turmentata verkaro de Albert Camus, fascinata de la nihilismo (*La Justuloj*), de la ribelo (*La viro ribelanta*) kaj de la absurdeco (*La mito de Sizifo, La fremdulo*). Ankaŭ en la aspektoj kritikaj kaj pesimismaj malvolvataj de la marksistoj de la skolo de Frankfurto (Adorno, Horkheimer). Nuntempe, ili ĉion invadis, ĝis la scienca mondo, kun Jacques Monod kaj multaj aliaj. Tiel, la biologo Albert Jacquard asertas: „Finfine, eĉ la fizikistoj diras al ni ke la realeco de morgaŭ ne estas entenata en la realeco de hodiaŭ. Estas fundamenta maldecido de la realeco (...) La homaro en kiu niaj nepoj vivos devas esti decidita de ni, tio estas certa."[5] ... Se estas vere ke la homoj decidas pri la venonta socio, niaj patroj devis havi ja nigran animon, tial ke ili faris nian inferan 20an jarcenton; se, iam ajn, la situacio pliboniĝos en la 21a, eble niaj nepoj pensos ke ni estas sanktuloj... Pri tiu temo, mi povus ankaŭ citi multajn verkojn, ekzemple la libron, mi devus prefere diri *la manifeston*: *"Por la Malcerteco"* de Jean-Loup Englander kun antaŭparolo de Albert Jacquard.[6]

Estas memkompreneble ke la ĥaosa ideologio daŭre kreskis dum la 20a jarcento, la pli malorda en la tuta homa historio. La disfalo de Soveta Unio, en 1991, ne malakcelis tiun ideologian fluon; ĝis tiam, multe da homoj povis imagi eblan

alternativon al la sistemo kiu ĵetas homojn kontraŭ homojn. Tiuj, kiuj plu kredas tiel post 1991, estas vere malmultege nombraj. La aŭtoro de tiu teksto estas el tiuj ĉi.

Estas interese vidi kiel la neoliberalisma sistemo rekuperis kaj utiligis tiun ideologion. La granda estro de tiu entrepreno estas, nekontesteble, Karl Popper, Anglo de aŭstria deveno, proksima al Jacques Monod kaj al la neoliberalisma ekonomiisto Von Hayek, aŭtoro, i.a., de *Mizero de la historicismo* (1945), *La Malfermita socio kaj ĝiaj malamikoj* (1962, la franca eldono de tiu verko estas dediĉita al Jacques Monod)), *La malfermita universo, argumento por la nedeterminismo* (1982)[7] En sia verkaro Popper konstruas sistemon kvazaŭ sciencan, kvazaŭ epistemologian, laŭ kiu, i.a., historio ne havas sencon, nek stadiojn.[8] Krome, Popper entreprenas la neniigon de ĉia progresismo, kiu proponas alternativon al la liberalisma sistemo: laŭ li, tiu ĉi estus esence totalisma. Kontraŭ tiuj, kiuj celas iajn radikalajn sociajn rekonstruadojn, Popper proponas sian „fragmentan flikadon" (en la angla piecemeal tinkering).[9] Tiuj laboretaĉoj devus esti plenumitaj de „sociaj inĝenieroj", kiuj ne sin demandas pri la grandaj fluoj de la historio nek pri la sorto de la homaro, kaj laŭ kiuj la homo regas sian destinon.[10]

... Oni rekonas en tiu verkaro la esencon de la *neoliberalisma* ideologio. La diferenco inter, jen tiu nuntempa neoliberalismo, kaj jen la *liberala* ideologio de la 18a jarcento, eĉ la klasika *liberalisma* sistemo, estas observinda:

- La *liberalaj* aŭtoroj de la 18a estas la fondintoj de la progresismo (Turgot, Condorcet, Kant). Laŭ ili, homa aŭ natura historio havas sencon. Ni tuj observos tiun punkton.

- La klasika *liberalisma* ideologio de la 19a kaj 20a jarcento estas ankaŭ progresisma, ĝi kredas je la senco de la historio sed ĝi sin lokas en la finatingon de tiu progreso. Francis Fukuyama estas certe la pli simbola reprezentanto de tiu skolo. En sia verko *La fino de historio kaj la lasta homo*, aperinta tuj post la disfalo de Soveta Unio (1992), li entreprenas montri ke la moderna liberala demokratio estas la finatingo de la historio. Tamen Fukuyama, sufiĉe proksima al Nietzsche, ne estas totale optimisma; tiamaniere li sin religas al la ĥaosa ideologio: post la liberalismo estas nenio, *post ni la diluvo*: „la liberala demokratio kaj merkata ekonomio estas la solaj eblecoj por niaj modernaj socioj".[11]

Ni notu fine ke, por la socialismaj aŭtoroj de la 19a jarcento, heredintoj de la liberala tradicio, historio havas sencon, sed la liberalisma sistemo estas transpasebla. Nur poste, iliaj posteŭloj estos infektitaj de la nedeterminisma ideologio.

### ... KAJ LA ORDO

Fakte, nia universo ne estas tiom ĥaosa, male al tio, kion volus aŭdigi al ni la ideologoj. En tiu konfuza mondo ekzistas, tamen, iom da senco, en tiu ĝenerala malordo troviĝas bona kvanto da ordo.

„La nocio de evolucio, komence enigita fare de la biologio, invadas nun ĉiun sciencan diskurson. De dek kvin miliardoj da jaroj, materio evoluas al statoj de organizo, de komplekso, de efikeco pli kaj pli altaj. Ekde la komenca ĥaoso, ĝi naskis sinsekve: nukleonojn, atomojn, molekulojn, ĉelojn kaj la vivantajn organismojn (...) Ranoj same kiel ŝtonoj konsistas el atomoj identigitaj de la kemiistoj" skribas la astrofizikisto Hubert Reeves.[12]

La homa scienco, kiu daŭre progresis – kiel ĉiuj aliaj sociaj kampoj -, elmontras nun al ni universon esence dialektikan kun du dimensioj kontraŭaj kaj interplektitaj: ordo kaj malordo, kiuj sin nutras reciproke, senĉese. Malordo, tio estas la morto; ordo estas la vivo, alidire la kolekto de funkcioj

kiuj kontraŭstaras la morton, kiel trafe elmontris Bichat.[13] Ambaŭ dimensioj estas necesaj en la universa movo kaj ni: la animaloj, la biosfero, la astroj, la homoj... ĉiuj korpoj strukturitaj, apartenas al la ordo. Anarkio estas la plej alta grado de ordo, asertas la franca geografo Elisée Reclus. Tamen, ni devas akcepti la malordon, la morton, por plu progresi ĉar, en tiu universo, ĉio mortas kaj ĉio naskiĝas: atomoj, molekuloj, astroj, animaloj, specioj... ĉio perdiĝas, ĉio kreiĝas, ĉio transformiĝas, ni povus diri parafrazante Lavoisier.

Tamen, la ideologoj de la ĥaoso iom pravas: ĉiu tiu bela universa movo ne estas tiel regula, kiel horloĝa movilaro. Moderna scienco (i.a. Heisenberg, Poincaré) elmontras ke ekzistas iom da necerteco en universo: *feliĉe por nia libereco*, ni povus diri. Sed tiu relativa malcerteco estas entenata en ĝenerala determinismo.

Ni vidu la teorion de la ĥaoso. Ĝi estis komence formulita de la matematikisto Henri Poincaré, kiu asertas: *„Povas okazi, ke malgrandaj diferencoj en originaj situacioj estigas grandegajn en la finaj fenomenoj“*.[14] Tiu fenomeno koncernas ne nur la elementajn partiklojn sed ankaŭ ĉiun homan estulon, ĉiujn nin, kiam ni devas decidi iun aferon per *jes* aŭ *ne*. Foje, tiu decido povas okazigi gravajn konsekvencojn: iu vivo povas esti ŝanĝita de tio, eĉ la historio de iu lando dum iom da tempo ĉiugrade: de la baza homo ĝis la politika estro, oni devas iafoje grave decidi. Tiel, en la homa historio, oni povas observi senliman kvanton da eblaj diverĝaj evoluoj, de la unuopulo ĝis la ŝtato. Sed oni povas reciproke observi *multege da konverĝoj* ĉar tiu ĥaoso farita de sennombraj diverĝantaj aĵoj estas kompensata per reciproka fenomeno: *la ekviceleco* (aŭ *samceleco*), kies leĝon formulis Ludwig von Bertalanffy: *„la sama fina stato povas esti atingita ekde malsamaj originaj situacioj, aŭ, tra malsamaj vojoj“*.[15] Ekzemple, la zoologoj konstatas, ke diversaj mamuloj, placentuloj (ekz. urso) kaj senplacentuloj (ekz. kanguruo), kiuj vivas delonge en malsamaj landoj, konverĝas al sama formo. Alia ekzemplo: tra diversaj sciencaj fakoj, la specialistoj alvenas ofte al samaj konkludoj; eĉ la filozofoj, la poetoj kaj aliaj artistoj, povas finatingi tiujn konkludojn per iliaj propraj vojoj. Tiel, se la fenomeno ĥaosa celas diverĝigi, disigi, apartigi... la ekviceleca proksimiĝas, konverĝigas.

## TERA (GAIA)

„Hermes prezentas al si la homon same kiel mikrokosmon, ĉion, kion makrokosmo entenas, tion ankaŭ la homo entenas. La makrokosmo entenas terajn kaj akvajn bestojn: ankaŭ la homo havas pulojn, pedikojn kaj intestajn vermojn. La makrokosmo havas riverojn, fontojn, marojn, la homo havas intestaron. La makrokosmo havas aerajn bestojn, la homo havas moskitojn...“, asertas Olimpiodoro, greka filozofo de la malfrua antikveco.[16]

Mikrokosmo kaj makrokosmo estas videblaj en multaj lokoj, inter la mikroskopaj eroj kaj la senlima universo, kie multe da gradaj interaĵoj vastiĝas poiome: atomoj, molekuloj, *makro*molekuloj, *mikro*-organismoj, grandega varieco de ĉiuj vivantaj estuloj, poste, ĉielaj korpoj: satelitoj, planedoj, steloj, globulaj amasoj, galaksioj... ĉiu el ili povas esti, *kaj* mikro- *kaj* makrokosmo, laŭ la vidpunkto. Ankaŭ Esperantio estas ĉu mikro-, ĉu makrokosmo.

La ideo pri konformaj rilatoj inter mikrokosmo kaj makrokosmo estas ege malnova; oni trovas ĝin ekde la antikveco, de Grekio ĝis la Ekstrema Oriento; estas same koncerne la ideon laŭ kiu Tero estas vivanta estulo. Ofte, tiu filozofio finatingas la panteismon, kredo laŭ kiu Dio estas ĉie (Giordano Bruno, Spinoza, hinduismo). Sed, ni lasos flanke la metafizikajn proble-

mojn rilate al Dio kaj aliaj spiritoj, pri kiuj la homoj neniam interkonsentis, limigante nin al la rigardado de konkretaj aferoj.

Poiome, diversaj sciencistoj *konverĝis* al proksimaj konkludoj koncerne la teran vivon. En 1785, la Skoto James Hutton, fondinto de la moderna biologio, deklaras dum parolado ke Tero estas superorganismo, kiun oni devas pristudi. En 1866, la germana biologo Ernst Haeckel, kreas la vorton *ekologio* (ankaŭ kreita, preskaŭ samtempe, de la usona aŭtoro Henri David Thoreau, iniciatoro de la civila malobeeco, de la neperforteco. Poste, en 1875, lia aŭstria kolego Eduard Suess kreas la vorton biosfero, sfero de la vivo. En la komenco de la 20a jarcento, la Ukrajnano Vernadski, fondinto de la biokemio kaj juna kuzo de la filozofo Korolenko (kiu, havante enciklopedian klerecon, ege influas lin), konceptas la Teron kiel tutan ekologian sistemon. Iom poste, influitaj de Vernadski, la Francoj Edouard Le Roy kaj Teilhard de Chardin kreas la vorton *noosfero*, sfero de la konscio, kiun la tuta natura historio celus. Finfine, ekde 1970, la usona medicinisto James Lovelock, konsilisto de la NASA, sistemigas tiujn nociojn, konfirmante ke la biosfero, kun siaj multaj fluoj, siaj diversaj homeostatikaj reguladoj, estas vivanta superorganismo.[17] Vidu la freŝdatan ekprogreson de Interreto, kun ĝiaj sennombraj konektoj, kiuj disvatiĝas pli kaj pli: ĉu tio ne similas al makrocerbo, kiu subite naskiĝis kaj disvolviĝas ?

Ĉiujn, tiujn ĝeneraligajn, tutigajn observojn, la moderna scienco, la *racionalisma* scienco, ne ŝatas, ĉar ĝi apogas sin sur la dispartigaj analizoj, la fakado de la esploroj, la aristota principo de nekontraŭeco, la metodika individuismo (notinde utila por la neo-klasikaj ekonomiistoj de la neo-liberalisma sistemo)... Sed, tiu klasika sciaro, kiu bone sufiĉas por klarigi al ni iujn elementajn aferojn, estas iom malforta fronte al la ĝeneralaj fenomenoj. Tial, de du jarcentoj, kelkaj pensuloj enkondukis novajn procedojn, transracionalismajn: la modernan dialektikon (Hegel, Engels, metodo kiu, poste, estis bone difektita de la stalinisma dialekta materialismo), la teorion de la determinista ĥaoso supre vidita (Poincaré, poste la ideologoj *forĝumis la vorton determinista*), la ĝeneralan teorion de la sistemoj (Bertalanffy), ktp. Racionalismo eksigas la kontraŭojn: laŭ tiu vidpunkto, iu afero ne povas samtempe esti kaj ne esti. Laŭ la transracionalisma vidpunkto tio estas ebla, oni vidis tion supre kun ordo kaj malordo, vivo kaj morto (ĉiuj vivantaj estuloj enhavas mortajn ĉelojn, antaŭ ke tiuj ĉi, iam, subite multiĝas). To be or not to be (esti aŭ ne esti), tiu Hamleta demando ne estas problemo por la transracionalismo.

## LA REKAPITULADO[18]

*Ontogenezo estas nur resuma (sendetala) rekapitulado de filogenezo*; tiu malloga propozicio signifas, alivorte, ke ĉiu unuopulo, apartenanta al iu ajn specio, tra sia eta vivo, resumas la tutan historion de sia specio, kaj reciproke. Tiu aserto de Ernst Haeckel, formulita en 1866 kaj konata per la nomo de *principo de rekapitulado*, estis poste konfirmata de multaj sciencaj fakoj: genetiko, psikologio, lingvistiko, embriologio... kiuj, hodiaŭ, uzas ĝin.[19] Tamen, oni devas bone priatenti tiun analogan rezonadon: *oni devas observi la diferencojn en la similecoj, kaj la similecojn en la diferencoj* (Giuseppe Ferrari, sed, ankaŭ la indukta rezonado ne sufiĉas por ĉion ekspliki); la neperfekta analogia metodo tamen ebligas al ni iom pli bone kompreni nian universon tiom kompleksan.

Iu besto rapide progresis dum freŝdataj jarmiloj: ĝi estas Homaro (por simpligi, ni nomos ĝin Hom). Komparu evoluon de iu ajn besto, ekz. ŝafo, kun tiu de Hom. La motoro de tiu rapida evoluo estas tiu *kapitaligado, primitiva kaj longa akumul-*

*ado*, kiu, de generacio al generacio, de pratempo ĝis nia moderna epoko, sin transdonis, disvolviĝante sciojn, teknikojn, sociajn strukturojn... riĉigante ilin (sed ankaŭ iom pritondante). La supre menciita propozicio laŭ kiu ontogenezo resumas filogenezon povas iom helpi nin por kompreni la eksterordinaran okazaĵon, kiun Hom trapasas de ĉirkaŭ du jarcentoj. Tiu evento, la industria revolucio, konsistigas veran kreskan krizon tian, kia adoleskanto spertas antaŭ ol atingi sian plenkreskecon. Ekde la fino de la 18a jarcento, subite, la primitiva akumulado akceliĝis, la malnova *kapitaligado* eksplodis kaj fariĝis *kapitalismo*, ekonomia esprimo de la liberala sistemo. Kaj dum tiu eta periodo de du jarcentoj kiu daŭras ĝis nun (kaj, kiu ne finiĝis), Hom, subite, disvolviĝis kiom neniam ajn, ĉia ajn: ĝia *scio* (sciencoj), ĝia *scipovo* (teknikoj, teknologioj), ĝia *potenco* (ekonomio), ĝia *fiziko* (demografio)... ĉio kreskis eksplode, precipe en la 20a jarcento. La juna, la adoleskanta Hom, tiom progresis, dum tiom malmulte da tempo, ke ĝi estas nun tute konfuzita, misorientita... Ĝi eĉ perdis la sencon de la historio, de *sia* historio.

Iu dialektika leĝo, ankaŭ ebligas al ni kompreni tiun fenomenon. Ĝi estas tiu de la *kvalita ŝanĝo* (aŭ *transiro de fazo*, se oni volas sekvi la modon), laŭ kiu, post *kvanta*, lineara evoluo, iu afero povas subite *kvalite* ŝanĝi: oni povas observi tiun fenomenon en evoluado de Hom, same kiel en hejtanta akvo, kiu finfine, bolas. „La dialektiko estas sinoptiko", skribis Platono.[20] Tio signifas ke ĝi ebligas al ni vidi (aŭ pli ĝuste *ke ni provas vidi* la realecon en ĝia tuteco. El tiu vidpunkto, la industria revolucio, kiun ni ankoraŭ trapasas, estas ne nur *homa* revolucio sed *biosfera* revolucio. Tiel, oni povas kompreni la plialtiĝon de la tera temperaturo: Tera (Gaia) febras pro la eksploda kresko de ia inteligenta specio, kiu komponas ĝin.

Sed Hom havas aĝon pli altan ol tiuj du jarcentoj de la industria revolucio eĉ ol la kvin jarmiloj de sia historio, eta periodo, kiu estas la plej aktiva de la longa homa evoluo. El ia vidpunkto, Fukuyama pravas: tiu historio finiĝos, frue aŭ malfrue. Ĉu la nuna tutmonda liberalismo iel povas esti la fino de tiu historio, kiel li asertas? Iel, jes. Tiu sistemo kiu lokas konkurencon super ĉion, kiu kuraĝigas la sanktan egoismon, tiom de la unuopuloj, kiom de la nacioj, de la ŝtatoj, de la firmaoj... estas la plej forta akcelo de nia historio; eble, ĝi eksplodigos nin, nuligante tiel la homan historion, kiel, pli ĝenerale, la homaron. Do, ĉar ĉio finiĝas iam ajn, tial homa historio finiĝos, ankaŭ Hom finiĝos, mortos. Ĉu fino de historio signifas fino de homo, ĉu ambaŭ estos samtempe ? Eble, ni ne povas scii, hodiaŭ pli ol iam, kiam nia historio akceliĝas kapturnige. Eble baldaŭ ni estos submetitaj, se ne ekstermitaj, fare de supera inteligento, kiu fariĝos la vera cerbo de Gaia; tiam la noosfero, kiun Hom nun disvolvas, eskapus el lia kontrolo. Sed oni povas racie pensi ke Hom postvivos tiun traŭmatan historion, do postvivos kapitalismon, dum periodo pli longa kaj malpli impeta. Ni konis prahistorion dum multaj jarmiloj, eble, se ni povos trapasi, transpasi, tiun nunan krizon, ni konos posthistorion, t.e. homan vivon iom malpli impetan.

## UNIVERSALISMO

Homaro estas granda organismo, do makrokosmo, ene de kiu oni povas observi diversajn eblajn determinojn de nia estonteco, diversajn fluojn, movadojn: naciistojn kaj kontraŭ-naciistojn, kapitalistojn kaj kontraŭ-kapitalistojn, oni povas vidi sennombrajn iniciatojn irantajn, ĉu al reiro antaŭen, ĉu al konservo de la nuna stato (ili estas ja la plej multaj), ĉu al progreso ĝis venontaj statoj, kiujn oni provas ekvidi, ĉu al pli da solidareco, pli da kunlaboro inter homoj, ĉu al pli da apartismo, pli da individuismo, direktan-

tajn al la diverĝaj vojoj de la eksplodo kaj de la ĥaoso, aŭ al tiuj de la konverĝado, de la malaltigo de malegalecoj. Tiuj, kiuj interesas nin, kompreneble, estas tiuj, kiuj sin direktas al konverĝoj.

El tiu vidpunkto, distingiĝante el ĉiuj tiuj flikistoj, Popperaj kaj aliaj neo-liberalistaj, multaj pensuloj, de almenaŭ tri jarcentoj, imagis alian homan socion, pli racian. Ni nomu ilin, provizore, *konstruistoj*. Oni povas observi ilin ekde la 18a jarcento tra la projektoj de ĉiama paco de la abato de Saint-Pierre aŭ de Kant (sed, ĉu la ĉiama paco ne estas la fino de historio... aŭ de homaro ?) aŭ de socia kontrakto, de Jean-Jacques Rousseau, kiuj inspiras la unuajn respublikajn konstituciantojn en Francio aŭ en Usono. Tiu konstrua skolo ege kreskis dum la 19a jarcento per la socialisma movado, kiam multaj pensuloj, vidinte la mirindan socian progreson, kiu startas kun la industria revolucio, imagis ke ĝi povus al ĉiuj profitdoni. Tiam, la projektoj multiĝis: komunumoj, kooperativoj, sindikatoj kaj aliaj asocioj. Ili pludaŭris dum la 20a jarcento, koncernante ĉiujn sociajn kampojn: politikan kampon (federalismo, mondialismo, k.a. transnaciismo), ekonomian (notinde kun ĉiuj diversaj proponoj de alternativaj monoj), kulturan (kun ĉiuj projektoj de populara edukado, de alternativaj pedagogioj kaj de planlingvoj).

Diversaj komunaj punktoj ligas tiujn projektojn, ĉefe: 1) Ili estas sociaj konceptoj, kiuj celas respekton tiom de la unuopuloj (de ĉiuj unuopuloj) kiom de la specioj (de *ĉiuj* specioj), ili sin turnas al *ĉiuj*, do ni pli bone nomos la konstruistojn *universalistoj*. 2) Tiuj konceptoj estas *kontraŭ-hegemoniaj*, ili celas la homan maturecon, la emancipadon (do, kiu devus logike sekvi la adoleskanton, la kreskan krizon de Hom). 3) Ĉiuj tiuj konceptoj estas ankaŭ faritaj laŭ *racio:* atentu, tio ne estas *racionalismo*, *racio* konstraŭstaras *frenezon*.

... Sed ni scias ke nia freŝdata historio, la industria revolucio kun ĝiaj multaj epifenomenoj, superas racion, eĉ racionalismon. Tiu giganta evento, ĝis nun, pravigis nur la partizanojn de la historia akcelo, do de la liberalismo. Dum tiu tempo, ĉiuj antaŭmenciitaj universalistaj projektoj fiaskis, ne tiel la parto da utopio, kiun ili neeviteble entenas (*errare humanum est*, ankaŭ utopio), kiel, antaŭ ĉio, la manko de matureco de la periodo (se, tamen, ĝi devus iam ajn esti matura por tio) ; dum tiu lasta periodo nur la partizanoj de liberalismo pravis.

Ĉiam progreso estigas perversajn, malicajn efikojn. La akcelita progreso, kiun ni spertis dum tiuj du lastaj jarcentoj, okazigis perversiajn efikojn proporcie, t.e. malicegajn. Laŭ la universalisma veto, finfine, tio estas la pozitiva flanko de la progreso, kiu, devas neprigi por Hom. Ĉu tio estas vera ? Eble oni baldaŭ vidos tion, notinde per Interreto ĉar ni scias, ke tiu lasta ilo povas esti la plej bona, aŭ malbona, afero. Ĝis nun, tiu progreso ankaŭ akrigis malegalecojn inter minoritato, kiu povas uzi ĝin, kaj la majoritato. Sed multaj progresemuloj laboras per tiu nova ilo. Ili devas daŭrigi, kompreneble.

„Por superi la malprobablecon de siaj aranĝoj kondukantaj al unuecoj ĉiam pli kompleksaj, Universo (...) progresas popaŝe tra miliardoj kaj miliardoj da provoj" asertas Teilhard de Chardin .[21] Tiel estas nia universala, universalista kondiĉo: ĉiam plani kaj ankoraŭ plani, provi kaj ankoraŭ provi ... ĝis nia morto, individua aŭ kolektiva (sed ĉiu individua morto estas ankaŭ parte kolektiva, el du vidpunktoj, interna kaj ekstera), kaj tiam, aliaj daŭrigas la saman laboron.

Dum sia evoluo, Hom ĉion konis, ĉion spertis, ĉion provis... aŭ preskaŭ: kunlaboron kaj konkuradon, individuismon kaj altruismon, perfortecon kaj neperfortecon, ĉiajn filozofiojn, rezonad-

ojn, asociojn, kombinadojn... El ĉio ĉi, eblas hodiaŭ kolekti kelkajn lecionojn, kelkajn principojn por daŭrigi niajn esplorojn, niajn provojn. Ekzistas, fakte, universalaj, universalismaj leĝoj, kiujn ni devas nepre koni, rekoni. Genetiko montras al ni ke ekzistas nur unu specio de homo, kiu multe diferenciĝis dum sia historia periodo. Nun eblas retrovi niajn praleĝojn.

*Tio ne estas tero, kiu apartenas al homo, estas homo, kiu apartenas al tero*: ĉie vi trovos tiun aserton, en Aŭstralio, en Afriko, en Ameriko... Ĝi estas la preciza respondo, kiun donis, en 1854, la ĉefo Seattle el indiana tribo Duwamish, al Franklin Pierce, prezidento de Usono, kiu proponis aĉeti la teron, kie ili vivas. Fakte, la proprieteca problemo, estas en la kerno de la nunaj sociaj debatoj.

En sia mesaĝo, la ĉefo Seattle aldonis: „Ni estas parto de la tero kaj ĝi estas parto de ni. La bonodoraj floroj estas niaj fratinoj ; la cervo, ĉevalo, granda aglo estas niaj fratoj. La rokaj krestoj, la varmo de la poneo kaj la homo: ĉiuj apartenas al la sama familio (..) ĉiuj aĵoj rilatas inter si, kiel sango kiu interligas samfamilianojn..."[22] Jes, ekzistas universala frateco, ĉar, tiel diras Hubert Reeves, „Ranoj same kiel ŝtonoj konsistas el atomoj identigitaj de la kemiistoj." Sed, tiu frateco ne estas idilia afero: ofte la fratoj luktas inter si, foje ili sin detruas... Laŭ Marx, perforteco estas „la akuŝistino de ĉiu socio, kiu estas graveda de iu nova." Kelkaj el liaj disĉiploj deduktis el tio, ke oni devas akrigi perfortecon por aliri al nova socio. „Ne, la problemo ne estas scii, kion endas substitui al la malnova mondo sed kiel ĝin mortfaligi" skribas la itala marksisto *(operaisto)* Mario Tronti[23] en 1966. Sed oni trovas tiun kulton de regeneranta perforteco ekde la 19a jarcento, tiom kun la anarkiisto Bakunin (ankaŭ Kropotkin), kiom kun Nietzsche poste Sorel. Dum la 20a jarcento tiu perforteco eksplodis, kreskis je grado neimagebla; neniam ajn, oni tiom malestimis la universalan fratecon regantan inter la aĵoj.

Do, se perforteco estas necesa, oni ne bezonas kuraĝigi ĝin ; male, oni devas lerni, provi kiel dukti, kanaligi ĝin, same kiel en la filozofio de la aziaj luktosportoj. Kontraŭe al tio, kion imagis kelkaj el niaj socialistaj prapatroj, notinde marksistoj, oni ne luktas *kontraŭ* naturo - krom kontraŭ sia propra naturo -, oni luktas *en* naturo, oni ordonas al la naturo nur obeante ĝin, kiel diris Bacon, t.e. provante kompreni kaj respekti ĝiajn multajn leĝojn: logikajn, raciajn kaj transraciajn, dialektikajn...

„Homo bezonas tion, kio estas la plej malbona en li mem, se li volas aliri al tio, kio estas la plej bona", skribas Nietzsche.[24] Sed ni scias ke absolutoj ne ekzistas: oni povus diri, ke ni spertis la plej malbonajn aferojn dum la 19a jarcento, ke ni tuŝis la fundon, sed oni ĉiam povas supreniri; estas same por la plej bonaj aferoj. Ni ne scias, kia estos morgaŭ. Ni restu raciaj: el tiu vidpunkto, ni nur konjektos, ke ni povas aliri al tio, kio estas *malpli malbona* en ni mem. La antaŭcitata aserto de Nietzsche devenas de *Tiele parolis Zaratustro*, verko en kiu la aŭtoro, konfuze, antaŭvidas la alvenon de *superhomo*, devenanta de iu transpaso. Ĉu tiu superhomo estos ni mem, post kiam ni transpasos nin? Ĉu ĝi estos alia aĵo? Ni vidos. La juna Marx difinas komunismon - kiun ni nomas *universalismo* - kiel „(..) la vera solvo de la konflikto de homo kontraŭ naturo, de homo kontraŭ homo, la vera solvo de la lukto inter (..) libereco kaj neceseco, inter individuo kaj specio. Ĝi estas la solvita enigmo de historio, kaj ĝi scias, ke ĝi estas tiu solvo"[25] ...

Ekzistas multe da demandoj pri kiuj ni ne havas respondojn. Ni tamen scias ke la morgaŭa mondo, same kiel la nuna, ne estos la produkto de hazardo sed de precizaj kaj determinitaj kaŭzoj.

## POSTPAROLO

Mi ĵus finis tiun artikolon, kiam mi eksciis ke la antaŭe menciitaj paroloj de ĉefo Seattle estas falsaj.[26] La teksto estis reskribita en la komenco de la 1970aj jaroj fare de Ted Perry, usona scenaristo kiu planis filmon pri ekologio. Tamen, mi decidis ne retuŝi la tekston kaj lasi tion fragmenton, kiu estas belega. Eĉ se rilatoj inter la sovaĝa homo kaj la naturo ne estis tiom idiliaj, kiom oni bonvolas diri, ili ne povas, tamen, esti pli malbonaj ol tio, kion oni povas rigardadi nuntempe.

fino

---

[1] *Djémil Kessous, La théorie générale de l'évolution, le principe néguentropique (L'Harmattan, 1994). L'Universalisme, expression majeure du mouvement social (Acratie, 1997). De julio 2000 tiu lasta verko, Esperante titolita Universalismo, aperas felietone en revuo Laŭte (FR 47470 BEAUVILLE), poste eldonota. La Franca eldono estas mendebla ĉe la libroservo de SAT-Amikaro.*

[2] *Edgar Morin, La Méthode, Le Seuil, 1977, t. I, p. 63.*

[3] *Jacques Monod, Le hasard et la nécessité, Seuil, 1970, pp 161 k. 187/188*

[4] *Ridley (Revolutionary Syndicalism in France, Cambridge University Press, 1970) notas tion pri la revolucia sindikatismo.*

[5] *Albert Jacquard, en Le hasard aujourd'hui (La hazardo hodiaŭ), kolektiva verko, Le Seuil, 1991.*

[6] *Jean-Loup Englander, Pour l'incertain, l'apport de Karl Popper à Karl Marx, Syllepse-Périscope, 1990.*

[7] *Karl Popper, The Poverty of Historicism, en Economica n° 42, 43 k. 46 (1945-1946). K. Popper, The Open Society and Its Enemies, vol 1 k. 2, Princeton University Press, 1962 [rim. la franca eldono de tiu verko (Seuil, 1979) estas dediĉita al Jacques Monod]. K. Popper, The Open Universe. An Argument for Indeterminism. From the postcript to The Logic of Scientific Discovery, W. W. Bartley III, London, Hutchinson, 1982.*

[8] *K. Popper, La Malfermita socio kaj ĝiaj malamikoj, ĉap. 25: Ĉu historio havas sencon ?*

[9] *K. Popper, Mizero de la historicismo, ĉap. 20.*

[10] *K. Popper, La Malfermita socio kaj ĝiaj malamikoj, ĉap. 3, III.*

[11] *Fukuyama, La fino de historio, dek jarojn poste ; Le Monde de la 17an de junio 1999. Origine artikolo aperinta en Los Angeles Times. La ĉefaj tezoj de Fukuyama kuŝas en The End of History and The Last Man, The Free Press, Macmillan, Inc., New York, 1992.*

[12] *Hubert Reeves, L'Heure de s'enivrer, Seuil, 1986, p.21.*

[13] *Xavier Bichat, Recherches philosophiques sur la vie et la mort (Fiziologiaj esploradoj pri vivo kaj morto), 1800.*

[14] *Henri Poincaré, Science et méthode, Flammarion, 1908.*

[15] *Ludwig Von Bertalanffy, General System Theory, George Braziller Inc., New York, 1968.*

[16] *Olimpiodoro, citita de A. J. Festugière, La Révélation d'Hermès Trismégiste, Gabalda, Paris, 1949/1954.*

[17] *Tiun historieton de Tera (Gaia) mi povis resumi dank'al James Lovelock (antaŭparolo de The Ages of Gaia, New York, 1988), kaj ankaŭ al mia rusa amiko Nikolao Gudskov: Esperanto kiel noosfera fenomeno [Sennaciulo n°9(1047)-1992]. Tiu lasta teksto estas legebla en la broŝuro de Gudskov: Malneŭtrale pri la neŭtrala (SAT broŝurservo, Esperanto, FR-47470,Beauville,Francio)*

[18] *Rekapitulado signifas resumi iun aferon reelirante de la komenco kaj reekzaminante ĝiajn ĉefajn punktojn. Tiu vorto ne ekzistas en PIV. Tamen, parenca vorto ekzistas en diversaj eŭropeaj lingvoj (angla, franca, italia, hispana, germana, ktp). Mi enigis ĝin en Esperanton ĉar resumo ŝajnas al mi ne sufiĉa.*

[19] *Ernst Haeckel, Generelle Morphologie der Organismen, Berlin, Georg Reimer, 1866. Plurfaka kolokvo estis organizita pri tiu temo en januaro 1991 en la universitato Paris XII. Interfaka verko sekvis: Histoire du concept de récapitulation (Masson, 1993).*

[20] *Platono, Respubliko, VII, 537, c.*

[21] *Pierre Teilhard de Chardin, Le Phénomène humain, Seuil, 1955, p.336.*

[22] *Fratoj eble ni estas, paroloj de la ĉefo Seattle, ed Utovie. Sed la cefo estus pli bone diranta „fratoj* certe *ni estas" (malgraŭ ĉio). Esperanta versio de tiu teksto estas disponebla ce CHAVIGNON Ph. M.F. du Plan, FR 06470 GUILLAUMES.*

[23] *Mario Tronti, Operai e capitale, Einaudi, Torino,1966.*

[24] *Nietzsche, Also sprach Zaratustra, Grossoklavausgabe, Kroener, 1905, vol VI, p319.*

[25] *Marx, Historisch-kritische Gesamtausgabe, Erste Abteilung, vol. III. Tiu fragmento eligas el la Pariza manuskripto (1844).*

[26] *La vera parolado de ĉefo Seattle estas legebla sur la TTT-ejo de la Suquamish: www.suquamish.nsn.us/*

# LA STATOJ DE HOMAJ RAJTOJ EN POSTSOVETIAJ LANDOJ

GENNADIJ ŜILO

La sekva teksto estis prelego, en kiu la aŭtoro volas respondi je kvin demandoj:

I. La stato de homaj rajtoj en Rusia Federacio kaj aliaj landoj - ekssovetiaj respublikoj
II. Prezidenta potenco en Rusio kaj protektado de Homaj Rajtoj
III. Rusia Konstitucio kaj protektado de ĝiaj bazaj principoj
IV. Konstitucia Kortumo kaj ĝia antikonstitucia agado
V. Apartaj konkretaj problemoj en la rusia kaj postsovetia vivo kaj leĝaro

## La stato de homaj rajtoj ...

Laŭ la konata internacia interkonsento Rusio fariĝis laŭjura posteŭlo de Sovetunio.

Hodiaŭa stato de homaj rajtoj en Rusio ŝajnas pli preferinda ol ties en aliaj landoj-eksrespublikoj de Sovetunio.

Pasis preskaŭ jardeko post disfalo de Soveta Unio, kaj tiu tempo devigis la popolojn de novaj memstaraj landoj analizi la ŝanĝojn, kiuj venis al ili; devigis ilin pripensi, kien moviĝis la ŝtatoj ricevintaj la memstarecon; ĉu ili pli trovis aŭ pli perdis pro detruiĝo de ekonomiaj ligoj, pro malrapidigo de evoluo en diversaj branĉoj - jura, kultura, politika ktp. Aperis tendencoj al refondigo de unio inter la ŝtatoj. Certe, tiu estonta unio devas havi nenion komunan kun Sovet Unio, kie rusoj kaj aliaj popoloj egale suferis de la komunistaj perfortoj, trompoj, ruzoj kaj malicoj.

Hodiaŭ ni ofte povas vidi, kiel plimalpli grandaj pozitivaj ŝanĝoj en Rusio post nelonga tempo logas la similajn pozitivaĵojn en multe da ekssovetiaj respublikoj. Ankaŭ negativaj „atingoj“ elvokas la similajn postsekvojn en la antaŭ nelongaj „frataj respublikoj“. Do, Rusio grave influas la formadon de ekonomia, politika kaj jura statoj en memstaraj ekssovetiaj landoj. Kaj sekve, influas Rusio ankaŭ la evoluon aŭ malevoluon de homaj rajtoj en la apartaj landoj. Tiu influo estas evidenta kaj senduba, eble, samtipa influo, kiun ni observas ekzemple de Eŭropa Unuiĝo.

Mi havas sufiĉe fortajn ligojn kun Ukrainio kaj Belorusio. Per helpo de rusiaj amaskomunikiloj, kiuj hodiaŭ restas plimalpli liberaj kaj objektivaj, mi povas juĝi pri protektado de homaj rajtoj ankaŭ en la aliaj ekssovetiaj respublikoj - la stato en Rusio estas iom pli bona ol en la aliaj landoj.

Nur unusola demando - ĉu estas kontentiga stato kun homaj rajtoj en Rusio aŭ ĝi estas nekontentiga kaj bezonas gravajn korektojn? Korekta demando kaj kompara analiza metodo helpos ricevi objektivan respondon pri stato de homaj rajtoj sur tuta teritorio de eksa Sovetio.

## Prezidenta potenco ...

Kio estas grava en la demando ‘kiel formiĝas rilatoj inter rusia prezidento kaj rusia popolo?’

Prezidento Vladimir Putin estas reprezentanto de bone konata por ekssovetianoj reprezalia organo - KŜS. Li, kiel la unuaranga persono en la lando, estas ne la unua reprezentanto de KŜS. Estis ankaŭ Jurij Andropov, dum kies gvidado estis ne nuraj negativaj rezultoj. Se ni sekvos la his-toriajn paralelojn, ni devos konkludi ke de V. Putin, rusianoj kaj popoloj de aliaj landoj ankaŭ povas atendi ne nur negativaĵojn. Des pli ke hodiaŭ ne estas epoko de Andropov aŭ Breĵnev. Teni la popolojn en katenoj kaj timoj jam apenaŭ eblas.

Pli danĝeras en la personeco de rusia prezidento aliaj momentoj. Dum la solena inaŭguro V. Putin, kiel jam novelektita rusa prezidento, ĵuris antaŭ rusia popolo. Kaj la ĉefa momento en la ĵuro ne estis protektado de homaj rajtoj. La plej grava por Putin - kiel en Sovetio - estas la protektado de ŝtataj interesoj, strebo al forta rusia lando. Kvazaŭ forta lando eblas sen fortaj kaj liberaj civitanoj, kies homajn rajtojn devas garantii la prezidento. Ni, ekssovetianoj, jam havis fortan, fortegan landon, kie ni ne estis liberaj kaj fortaj. Civitanoj, estis nur detaloj, ŝraŭbetoj de la ŝtata maŝino, kiu terurigis la civilizitan mondon. Perspektivo de ĉiuj egale senrajtaj kaj timemaj sklavoj ne pli logas iun el tiuj milionoj kiuj trafis sub la reprezaliinta potenco de KŜS kaj CK de KPDSU.

Unuaj cent tagoj de la prezidenteco de Putin montris ke strategia pozicio de li estas timigo. Timigi ĉiujn. La mondo ege miris, kiam en televido oni montris kripligitan kaptitan ĉeĉenon Radujev, kaj tuj poste sur la ekrano aperis la prezidento, kiu diris: „Ĉu vi vidis lin? Ni venigos ĉiujn ĝis lia stato, se ...“ teritorio de eksa Sovetio.



Do, ĉiuj timu. Kaj pro timo bone kondutu. Tio ne estas homa politiko. Prezidento Putin estas ne nur profesia KŜSisto. Li estas ankaŭ profesia sportisto. Tial ni restu en optimismo kaj espero, ĉar lia espero je forto kaj timo eble estas elspezoj de sporta kariero, kie la kvalitoj estas vojo al venko. Tamen prezidento kaj popolo ne povas esti kontraŭstaraj subjektoj, ili estas du gamboj de la sama korpo - la ŝtata korpo. Kiu gambo pli valoras - ĉu maldkestra aŭ dekstra? La demando estas retorika. Kiel ĉiu vera sportisto Putin devas esti honesta persono strebanta atingi humanajn celojn. Des pli, se li restos prudenta aganto sen kapturniĝo de sukcesoj, kiujn popolo jam lace atendas. En la unuaj monatoj de la prezidenteco Putin malgajnas al la unua rusia prezidento Jelcin en sincero - tio rilatas ne nur la malindan atencon kontraŭ la plej objektiva kaj kvalifikita telekomunikilo NTV. Ni, rusianoj, nur esperu ke li kun siaj konsilistoj kaj helpistoj grave korektos la strategian linion. Kaj ĉiam bonkoraj rusianoj pardonos al li la erarojn de la kreskado.

Sed hodiaŭ ni povas nur konstati - la prezidento dume ne estas persono, kies ĉefa tasko estas protektado de homaj rajtoj. Necesas atenti ankaŭ la rilaton de prezidento al mem ĉefaj, bazaj konstituciaj rajtoj de rusianoj - rajtoj por inda sekura vivo, libero kaj digno.

Mi ne volas tuŝi specialan temon pri ĉeĉenia problemo, kiu al mi ne ŝajnas dusenca. De unu flanko, absolute klaras, ke ajna normala lando federacia ne povas

toleri krimecan malordon flanke de iu federacia subjekto. De la alia flanko ne malpli klaras, ke la ordo ne devas esti instalita per la militaj fortoj, direktitaj kontraŭ la tuta popolo, interalie, ne nur ĉeĉenoj, sed ankaŭ kontraŭ alinaciaj civitanoj inkluzive rusojn, ukrainojn, belorusojn, kazaĥojn kaj aliajn loĝantojn en Ĉeĉenio. Tamen, tiu problemo estas aparta, ampleksa problemo por aparta analizo.

## Rusia konstitucio ...

Maturo de kiu ajn landa sistemo rivelas sin per kapablo aŭ malkapablo de la lando sekvi la bazajn principojn, proklamitajn en la konstitucio.

La lasta rusia Konstitucio estas akceptita la dek-duan de decembro 1993 dum la Tutpopola balotado (referendo). Tiam la popolo diris ke ĉiu persono, super kiu ŝvebas minaco esti punita pro grava krimago, rajtas respondeci antaŭ asiza ĵurio. Kaj tiam la popolo proklamis: Torturo estas malpermesata - artikolo 21 parto 2.

Pasis preskaŭ sep jaroj, sed la stato ne ŝanĝiĝis. Kiel diras rusianoj, la ĉaro ĝis hodiaŭ restas tie, kie estis. Asiza tribunalo ne validas. Torturoj hodiaŭ estas apenaŭ ne la normo. Kial?

Kiel specialisto en kriminal-procedura juro (branĉo justica al la plej gravaj homaj rajtoj - rajto de digno, sano, vivo kaj libero) mi devas klarigi la kialon.

En la dua ĉapitro de la Konstitucio („Transiraj kaj finalaj principoj") estis fiksita regulo - se kiuj ajn leĝoj kaj reguloj kolizias kun Konstitucio, tiam validas konstitucia regulo. Por ke oni juste kaj objektive juĝu akuziton kaj korekte punu pro krimago oni devas esti gvidataj de kriminalprocedura kodekso sen kiuj ajn flankiĝoj. La procedura leĝaro proskribas procedurojn, kiuj fakte malebligas maljuston kaj arbitrecon. Ĝis nun, dum longaj jaroj, ne ekzistas kriminalprocedura kodekso de Rusia Federacio. La grandega lando vivas kaj funkcias laŭ la procedura leĝaro de tute fremda, antaŭ longe jam neekzistanta lando - Rusia Soveta Federacia Socialisma Respubliko.

Tiu kodekso enhavas plurajn kontraŭkonstituciajn regulojn. Ĉar ne ekzistas procedura kodekso de Rusia Federacia, do la plej granda kaj forta (teorie) protektanto de homaj rajtoj kaj supera kontrolisto de ĉiulandaj leĝoj kaj reguloj - prokuroro - kiuj efektivigas samtempe tute malajn funkciojn: Prokuroro gvidas krimesploradon kaj samtempe permesas al si mem aresti akuzitojn kaj eĉ suspektitojn. Interalie, la Konstitucio proklamis, ke ajna akto de aresto eblas nur laŭ la tribunala decido (artikolo 22 punkto 2). Ĝis la tribunala decido persono ne povas esti malliberigita por pli ol 48 horoj. Tamen artikolo 90 de kriminalprocedura kodekso permesas aresti civitanojn por dek diurnoj. Sed laŭ la prezidenta dekreto (14. 06. 1994) eblis lasi sub aresto dum tridek diurnoj. La kontraŭkonstitucia dekreto estis nuligita nur 14. 06. 1997.

La unua ĉapitro de Rusia konstitucio kaj precipe la dua reglamentas protektadon de homaj rajtoj kaj liberoj de rusianoj. La sepa ĉapitro estas dediĉita al tribunala potenco. En tiuj ĉapitroj ni trovas tre gravajn kaj korektajn decidojn. Neniu, iam ajn proponis fari korektojn en tiuj ĉapitroj, konkretigi iel ilin. Se okazas kunsidoj de la Konstitucia Kortumo, ili rilatas tute aliajn problemojn.

La simila situacio validas rilate al asiza ĵurio. En Rusio estas ĉirkaŭ naŭdek subjektoj de Rusia Federacio. En okdek subjektoj la asiza ĵurio ne funkcias eĉ en limigita stato. Intertempe artikolo 15 de la Konstitucio proklamas, ke ĝi kun sia

supera forto havas rektan validon, se ne estis akceptitaj certaj leĝoj por reglamenti la certajn sociajn rilatojn.

En la punkto ses de „Transiraj kaj finalaj reguloj“ ni ne trovos konstituciajn solvojn de la problemoj. Eĉ malaj ordonoj tie nestas sin: „... ĝis apero de federacia kriminal-procedura leĝaro pri asiza ĵurio kaj pri aresta proceduro validas la malnovaj proceduroj“. Do, la popolo siatempe korekte ĉion decidis, sed fakte ĉion solvas ne popolo sed Dumao, kiu defendas alies interesojn kaj ne kapablas dum longaj jaroj formuli unu el plej gravaj federaciaj leĝoj.

Tamen, en postsovetia Rusio (komprenu ankaŭ Ukrainio, Belorusio, Armenio ktp.) ĉu endas inventi radon? En la mondo civilizita antaŭlonge la problemo ne ekzistas. Ekzemple, okcidenta Germanio akceptas bazan leĝaron kaj inkludas tien certajn solvojn de apartaj problemoj. Kaj germanoj indikas ke dum kvin jaroj devas aperi certaj federaciaj leĝoj. La germana parlamento (Bundestag) tamen ne akceptis dum tiuj kvin jaroj la leĝojn. Tiam Supera Kortumo decidas konkrete kaj absolute korekte: validas la baza leĝaro. En Rusio (kaj preskaŭ en ĉiuj postsovetiaj landoj) ĝis nun validas sovetiaj moroj, reguloj kaj leĝoj. Kaj la tribunaloj mutas. Ĝismorte senŝanĝeblaj juĝistoj fakte reprezentas sovetiajn tribunalojn, kiujn profesoro de Eŭropa Jura Universitato Jurij Stecovskij en sia libro „Tribunala potenco“, Moskvo 1999, nomas arbitra reprezalia tribunalo. Homaj rajtoj sur la tuta teritorio postsovetia kiel estis sen protekto, tiel restis atakataj de la ŝtata potenco. Do, la Konstitucio restas nur bela fasado ĉe putra konstruaĵo.

Antaŭ nelonge prezidento V. Putin deklaris, ke preskaŭ duono da leĝoj rusiaj kolizias kun normoj konstituciaj. Tia stato eblas nur en maljusta kaj maljura lando. Tio estas danĝera situacio.

## Konstitucia Kortumo ...

La Konstitucio malpermesas akcepti leĝojn, kiuj malvastigas aŭ nuligas jurajn rajtojn de juraj aŭ fizikaj personoj (art. 55, punkto 2). Unusola ekzemplo povas montri, kiom krude la landa potenco kaj mem Konstitucia Kortumo ignoras tiun validan en la tuta civilizita monto absolute justan kaj korektan pricipon.

En la jaro 1992 en Rusio ekvalidis leĝo „Pri klerigado“. Laŭ la leĝo aperis neŝtata sistemo de klerigado (pli korekte nomi ĝin nebuĝeta, ĉar la sistemo solvas la ŝtatajn problemojn laŭ la ŝtataj leĝoj kaj klerigstandardoj, nutras sin diference de veraj ŝtataj klerigejoj ne el landa buĝeto, ĝi nutras ankaŭ la ŝtatan buĝeton per impostaj enpagoj). Ĉiujn bazajn rajtojn kaj avantaĝojn nebuĝeta sistemo ricevis en la jaro 1922 samkiel la sistemo buĝeta - kun ricevo de ŝtata licenco. Tiu nebuĝeta sistemo ege utila por la lando prenis sur sin zorgojn organizajn, financajn, ejajn k.a., organizis bonkvalitan studadon por milionoj da rusianoj kaj alilandanoj. Ofte kvalito de studado en la nebuĝeta sistemo estis pli efektiva ol tiu en la buĝeta. Kaj subite en la jaro 1996 aperis korekto al la leĝo kaj nova federacia leĝo „Pri supera kaj postsupera profesia klerigado“, kie estis nuligitaj la bazaj rajtoj de nebuĝeta sistemo - defendo de militrekrutiĝo dum la lernado, disponigo de ferioj por korespondaj kaj korespondĉeestaj studentoj, nuligo de la laborperspektivo post fino de la altlernejo, se la altlernejoj ne havas dokumenton pri la ŝtata akredito. Intertempe ĉiuj buĝetaj altlernejoj (avangardaj kaj malavangardaj) ricevis la akreditdokumentojn per la ministeria dekreto ekde la 30. 11. 1994. Laŭ la Konstitucio kaj laŭ la komenca redakto de la leĝo ĉiuj juraj kaj fizikaj personoj havas egalajn statajn kondiĉojn. Fakte formiĝis

tute mala situacio. Malgraŭ ekzistanta regulo en rusia civila leĝaro , kiu permesas uzi la certajn normojn laŭ la analogio (Artikolo 6 de Civila kodekso). La ŝtato rifuzas uzon de la principo kaj sekve lasas la sistemon perei aŭ akiri la akredit-dokumenton kontraŭ monkoruptaĵo je dudek-mil usonaj dolaroj. La situacio estas tute netolerebla. La problemon antaŭ monato mi levis dum tre reprezenta konferenco de gravaj juristoj kun temo „Korupcio kaj batalo kontraŭ organizita krimularo.“ Mia prelego iom ŝokinta la publikon nomiĝis „Kriminalaspektaj nuancoj en batalo kontraŭ organizitaj krimulaj grupoj en sistemo de rusia supera klerigado.“

Estas stranga fakto - rusia ŝtato kondutas en supera klerigado kvazaŭ suicide - nur kelkaj procentoj de rusiaj studentoj lernas en nebuĝetaj altlernejoj. La buĝetaj ne kapablas ĝustatempe pagi etan salajron al la buĝetaj profesoroj (diference de, ekzemple, ekonomike potenca Usono, kie en nebuĝeta sistemo lernas pli ol duono da studento) kaj la ŝtato celas mortigon de tiu sistemo, nuliginte ĉiujn bazajn rajtojn de studentoj kaj pedagogoj en la tuta nebuĝeta klerigsistemo. Niajn atingojn en disfalo de homaj rajtoj kopias aliaj ekssovetiaj respublikoj. Ignoroj de homaj rajtoj sur postsovetia teritorio atingis apogeon ĝis kiu ili ankoraŭ neniam leviĝis eĉ en plej krudaj historiaj periodoj. Kaj ne nur en prizonejoj.

Hodiaŭ vi ĝuos piankoncerton de Andrej Korobejnikov, juna muzika junulo je nivelo eble de Mozart aŭ Beethoven. Eble ŝajnas stranga ke antaŭ du jaroj tiam dekunu jara knabeto kun nekutima muzika talento venis en la Eŭropan Juran Universitaton kun akra deziro fariĝi juristo. „Kial vi, jam preta maestro, deziras studi juron?“, demandis mi. „Oni tiom ofte trompis min kaj rompas miajn rajtojn. En nia ŝtato hodiaŭ pli endas ekposedi rimedojn de defendo ol ricevi ĝuojn de ajna arto ...“

En sia dekunu-jariĝo la knabeto jam finis eksterne mezlernejon, jam havis kelkajn venkojn en tutrusiaj kaj internaciaj muzikkonkursoj. Dekomence li perfekte studis juron. En fino de unua lernojaro li paralele al jura studado estis akceptita en muzikinstituton, en sia dektri-jariĝo li perfekte studis en du altlernejoj kaj subite estis forigita el la muzika superlernejo pro nekorekta konduto (estus strange, se dektri-jara knabeto havus tute korektan konduton - por kia celo tiam li lernus). Pedagogoj, se vi estas tiuj, korektu la talentan knabeton! Ne, laŭ la inspiro de la rektoro Karsakoviĉ A. L. ili ĉiuj rifuzis okupiĝi pri studado de la knabo. La malprofesieco de pedagogoj. Sed suferas la knabeto, kiu devas pruvi, ke li havas multe pli da argumentoj studi muzikprofesion ol ĉiuj aliaj. Denove mi volas kompari. Kelkaj tagoj antaŭ ol esti forpelita el la muzika superlernejo Andrej venkis en granda muzika konkurso en Usono. Lia pedagogo tuj ricevis kontrakton por laboro en Usono. Ankaŭ al Andrej oni donis paketon de dokumentoj: „Nia pagos al vi stipendion po 38 mil dolaroj ĉiujare, nur restu en Usono por la lernado.“ „Tamen mi devas fini du rusiajn superlernejojn, - respondis la knabo, - kaj poste labori por bono de Rusio.“ Nekorekte kondutis la talentulo, li indas profesian dispremon - krimule decidis liaj muzikaj pedagogoj.

Pri tiuj atakoj kontraŭ homaj rajtoj knabetaj aperis jam artikoloj en ĵurnaloj, en televido kaj radio. Tio eblas nur en lando kun difektita imago pri homaj rajtoj.

Noto: la desegnaĵo en ĉi tiu artikolo estas el la libro: *Kio estas demokratio*? Vidu la recenzon! Desegnisto PLANTU

# DIO ESTAS MORTA

## Konciza enkonduko en la pensadon de Friedrich Nietzsche

Cent jarojn post la morto de Nietzsche (pron. Niiĉe) denove leviĝas la demando: Kiu li estis - filozofo, poetanta nihilisto, superhomo, homo pretiganta la vojon por la rasismo aŭ eĉ por la Tria Regno aŭ simple nur talenta filologo, do amiko de la sciencoj, precipe de la lingvo?

Pri neniu estis skribita tiom multe kiom pri Friedrich Wilhelm Nietzsche. Eble ankaŭ pro tio ĉar li forte influis ne nur la filozofian diskurson, sed eble pli profunde la literaturon de la dudeka jarcento. Kompreneble la verkistoj ne simple transprenis liajn ideojn, provokaĵojn, aforismojn ktp. La verkoj de Thomas Mann, André Gide, Italo Svevo k.a. ne ekzistus tielmaniere sen la influo de Nietzsche, kvankam Thomas Mann ekzemple la antaŭulon de Nietzsche, nome Arthur Schopenhaŭer, pli multe ŝatis.



Schopenhaŭer (1788-1860)

Nietzsche estis kaj estas ŝatata kaj ankaŭ la kontraŭo estas ĝusta. Sir Raimund Popper, aŭstra-angla filozofo, fama pro la verko *La malferma societo kaj ĝiaj malamikoj*, legis la verkon de Nietzsche kaj trovis 'nenion apartan'. Bertrand Russel dediĉas kelkajn paĝojn al Nietzsche en sia *Filozofio de la okcidento,* sed li ankaŭ ĉefe mokis pri la germana filozofo. Tamen, la granda verko de li estas sufiĉe ampleksa kaj tre diversmaniera. Iomete malkovri lin por SR estas nia intenco.

### La fundo kaj influoj

Friedrich Wilhelm Nietzsche naskiĝis en 1844 en la vilaĝo Röcken ĉe Lützen (Saksio) kiel filo de la tiea evangelia pastoro.



La patro estis Carl Ludwig Nietzsche (1813 - 1849). Li estis pastoro en la vilaĝeto Röcken ĉe Lützen en la tiama Prusio.

Lia patro mortis kiam Friedrich estis kvinjara. Tial li ekkreskis en virina medio, kiu praktikis protestantan piecon.



La patrino

Li iĝis sentema, sensiva kaj iom mola knabo, kiu jam tiam provis sin hardi kaj sinregadi. En la fama kaj eble plej bona internejo de la tiama Prusio li komencis lerni kaj ŝati la grekan antikvan epokon. Tiu ĉi amo neniam estingiĝis. Tuj poste li studis en la urboj Bonn kaj Leipzig filologion klasikan. Kaj nun venis la tria destinata elemento - la aliaj estis la frua morto de la patro kaj la virina medio - en la vivo de Nietzsche. En iu librobrokantejo li trovis la ĉefverkon de A. Schopenhaŭer, legis ĝin seninterrompe kaj estis tute impresita de la sobra verkaĵo. Jam antaŭe li konatiĝis kun la muzika verko de Richard Wagner (1813-1883), kiu ankaŭ ŝatis tiun filozofon de la pesimismo. Nietzsche ege ŝatis la muzikon, kiu ludis tre gravan rolon en lia vivo. Por li ankaŭ muzika kariero estintus imagebla kaj lia sekva diraĵo estas sufiĉe konata: „Sen muziko la vivo estus eraro."




Poŝtmarko okaze de lia
100-a reveno de la mortotago

Alia persono, kiu influis lin, estis la fama filologo Erwin Rhode (1845-1898), fame pro lia verko *Psiko. Anima kulto kaj kredo je nemorteco de la grekoj.* Fakte, Nietzsche estis talenta psikologo kun akra vido rilate al la nekonscio; do, denove efiko, jen je la laboroj de Sigmund Freud, kiu bone konis la verkon de Nietzsche. Li regis la arton rigardi malantaŭ la idealojn kaj idolojn, ekkonis la eternajn verojn de la metafiziko, religio, moralo, trovis la homan memtrompon, la impulsojn kaj inklinojn, mallonge: „La homaĵon, tro homaĵon".

## Nietzsche la permartela filozofo

Nietzsche filozofis per la 'martelo'. Tio estas ofta esprimo. Senindulge kaj eĉ rigore li detruis indojn kaj konceptis samtempe novajn valorojn. „Kiu devas esti kreanto de la bono kaj malbono, vere, tiu devas esti unue detruanto kaj tiu devas rompi valorojn." La detruan flankon de li oni ofte priskribis per la sepobla 'anti'.

Do, li estas
- *antimorala*
- *antidemokrata*
- *antisocialisma*
- *antifeminisma*
- *antiintelektuala*
- *antipesimisma*

kaj tiu ĉi estas entute
- *antikristana.*

Nietzsche -
ĉu superhomo?





Sigmund Freŭd
(1856 - 1939)
Aŭstra neŭrologo
Fondinto de la psikoanalizo

## La sep anti...

Nietzsche estas antimorala. Laŭ li ekzistas mastro- kaj sklavomoralo. La vorto 'bona' havas du diversajn signifojn: Ĉe la regantoj ĝi markas la elstarajn kaj fierajn statojn de la animo. La kontraŭo de 'bona' jen estas 'fia'. Fia en la senco de la re-gantoj signifas: Kutima, vulgara, senvalora. Por la greghomo signifas 'bona': Paca, naiva, bonkora, kompatema. La kontraŭo jen estas 'malbona'. Malbona estas ĉio, kio levas la homon super la grego: Nekutima, aŭdaca, nekalkulebla, danĝera - do, preskaŭ ĉio, kio estas 'bona' por la regantoj.

La profetoj de la judoj povis kunfandi al unuo la signifojn 'riĉa', 'sen-dia', 'malbona', 'perforta', 'sensuala' kaj almeti negativan valoron al la vorto 'mondo'. Nun aperadas la mizeruloj, malriĉuloj, suferantoj, malsanuloj kiel la 'bonuloj' kaj la aristokrata deklaro de bona = nobla, potenca, feliĉa perdas sian regadon.

Nietzsche estas antidemokrata. Ĉiu moralo en Eŭropo estas la moralo de la gregobesto. Estas ridinda laŭ la maniero de la anglaj monaviaduloj vidi la sencon de la vivo en la plej granda feliĉo de la plej granda nombro.

Nietzsche estas antisocialisma. La socialisma ideo estas la degenerado de la homo al la kompleta, ĝisfunda bestogrego. La esenco de ĉiu vivo estas uzurpado, lezado, subpremado de la malfortikulo. „Oni revas nun ĉie de la venontaj statoj de la socio sen la ekspluata karaktero".

Nietzsche estas antifeminisma. La viroj perdas sian puran virecon, se la virinoj strebas al ekonomia kaj jura memstarecoj. La virina emancipiĝo estas signifo de la degenero.

Nietzsche estas antiintelektuala. Por li same kiel por Schopenhaŭer estas konscio, racio kaj intelekto nur suprajô, nur servisto de la volo. La rolon de la konscio oni ne rajtas trotaksi; la plejmulto okazas senkonscie. La instinkto estas 'sub ĉiuj specoj de la inteligenteco . ..la plej inteligenta'. La filozofoj ŝajnigas tiel kvazaŭ ili gajnis siajn verojn pri frida logiko. Sed malantaŭ ĝi estas taksadoj; postuloj de la instinkto. Estas absurde malestimi la korpon, trakti ĝin kiel malamikon; estas absurdaĵo kredi, 'oni povus porti belan animon en iu monstro de la kadavro'.

Nietzsche estas antipesimisma. Ankaŭ se la saĝuloj de ĉiuj tempoj juĝis pri la vivo: 'Ĝi taŭgas nenion - kion pruvas tio? Eble, tiuj saĝuloj jam ŝanceliĝis, estis malfortaj ... kiu diras, la vivo ne valoras, tiu vere opinias, mi estas senvalora'.

El la tuto sekvas la antikristana karaktero de la filozofio de Nietzsche. La kristanismo estas la kvintesenco de ĉia renversado de la naturaj valoroj. La kristanismo estis ekde la komenco la malamiko de la sensualeco; por la kristanoj la mondo estas nur mizero kaj lamento, kaj dezirenda estas la - neatingebla - transejo.

## La novaj valoroj

'La veraj filozofoj estas la ordonuloj kaj leĝdonantoj. Ili diras: 'Tiel estu!' Ili dekretas la 'Kien?' kaj la 'Por kio?' de la homo. Nietzsche, kiu detruas senindulge valorojn, kiu instruas ke 'Dio estas morta', samtempe instruadas novan celon de la homo: 'Mortaj estas ĉiuj dioj; nun mi volas ke vivu la superhomo'. La superhomo estas la senco de la mondo ...

'Miaj fratoj, restu fidelaj al la tero kaj ne kredu al tiuj, kiuj parolas pri superteraj esperoj'. 'La homo estas ŝnurego, ĥodita inter besto kaj superhomo - , ŝnurego super abismo. Kio grandas je la homo ke li estas ponto kaj ne celo?'.

## Nietzsche kiel profeto kaj solulo

La vivoverko estas unika ŝtormkurado kontraŭ 'mucida germana feliĉo en la parada ĉambro', kontraŭ la filistroj en la lernejoj kaj universitatoj, kontraŭ la posedanta burĝo kaj kontraŭ la sklava moralo de la kristanismo: 'Ĉiu malestimo de la seksa vivo estas la plej vera peko kontraŭ la Sankta Spirito de la vivo'.

## Gott ist todt

La plej fama diraĵo de Nietzsche estas: **'Dio estas morta'**. La idealisma transejo estas nura ĥimero, la superhomo ŝatas la teron, la vivon kaj havas pozitivan sintenon al ili: La homo estu kiel Dionizo. Sed ree kaj ree li plendas pri terura soleco. La soleca batalo kontraŭ la regantaj valoroj dum la jarmiloj konsumis liajn fortojn:

'Jes! Mian devenon scias mi!
Ne satita kiel flamo
ardas mi kaj konsumiĝas.
Ĉio iĝas lumo, kion kaptas mi,
karbo ĉio, kion lasas mi!'

(el: *Ecce homo*)

MJS

## *Soliĝinta*

*Kornikoj krakas*
*kaj migras al la urb' en svarm':*
*la neĝ' atakas -*
*beata hom' en hejma ĉarm'!*

*Nun vi ja multe*
*returnrigardas, aĥ, sen mov'!*
*Vi fuĝis stulte*
*en mondon antaŭ vintroblov'!*

*La mond' - aleo*
*al mutaj dezertegoj mil!*
*Post ĉi pereo*
*ne restas ajna plua azil'.*
*Nun vi tutpala*
*travintre migras por malben',*
*al fum' egala,*
*serĉanta froston en seren'.*

*Flugu bird', draŝu*
*la kanton laŭ dezertoton'!*
*Stultulo, kaŝu*
*turmentojn do per mok-opon'!*

*Kornikoj grakas*
*kaj migras al la urb' en svarm':*
*la neĝ' atakas -*
*ve al la hom' sen hejma ĉarm'!*

## *Vereinsamt*

*Die Krähen schrein*
*und ziehen schwirren Flugs zur Stadt:*
*bald wird es schnein -*
*wohl dem, der jetzt noch Heimat hat!*

*Nun stehst du starr,*
*schaust rückwärts, ach! wie lange schon!*
*Was bist du Narr*
*vor winters in die Welt entflohn?*

*Die Welt - ein Tor*
*zu tausend Wüsten stumm und kalt!*
*Wer das verlor,*
*was du verlorst, macht nirgends halt.*

*Nun stehst du bleich,*
*zur Winter-Wanderschaft verflucht,*
*dem Rauche gleich, der stets nach*
*kältern Himmeln sucht.*

*Flieg, Vogel, schnarr*
*dein Lied im Wüstenvogel-Ton! -*
*Versteck du Narr,*
*dein blutend Herz in Eis und Hohn!*

*Die Krähen schrein*
*und ziehen schwirren Flugs zur Stadt:*
*bald wird es schnein -*
*weh dem, der keine Heimat hat!*

*(trad. d-ro Guido Holz)*



korniko krakas

# THEODOR FONTANE
## (1819-1898)



Pentraĵo de Carl Breitbach (1883)

Por vi, kara leganto de SR, ni redonos tre belan poemon, pli precize: baladon de Th. Fontane el la jaro 1861. La balado estas rakontpoemo en kiu la verkisto recitas ellevitan eventon sen kromaj elementoj. Ĉi tiu balado havas nur unu temon, nome, la minacon de la pasaĝeroj per subita fajro kaj ilia rapida savo per kuraĝa ŝipstiristo. La loko de la streĉa ago estas Erio, unu el la kvin Grandaj Lagoj en Norda Ameriko.

La balado ne estas limigita per iu ajn temo. Tipa estas la emfazo de la homa sorto. Oni povas distingi diversajn tipojn de la balado: La norda (el Britio, Svedio kaj Germanio) kaj la romana (el Hispanio), la arta kaj la sociala, sociokritika baladoj. Jen balado kiu plaĉas pro sia nekredebla streĉo, pro sia ritmo kaj ne laste pro la bela traduko aŭ transkonduko, kiel preferus esprimi sin la tradukinto. Plenrajte oni povas aserti ke la traduko estas tiom taŭga kiom la originalo.

Iom pri la aŭtoro. Theodor Fontane naskiĝis je la 30-a de decembro en 1819 en la urbo Neuruppin (Prusio), fariĝis farmaciisto, partoprenis la Martan Revolucion en 1848, iĝis gazeta korespondanto kaj redaktoro. Ekde 1876 li estis libera ĵurnalisto kaj teatra kritikisto. La unua romano *Antaŭ la ŝtormo* aperis en 1878. Lia profunda okupiĝo faris lin la plej eminenta romanverkisto de la realisma periodo en Germanio. Thomas Mann skribis en la jaro 1948, okaze de la 50-a datreveno de lia mortotago: "La moderna romano por Germanio estis inventita, realigita kaj ankaŭ perfektigita de iu pruso, membro de la Franca Kolonio, Theodor Fontane. Kiel unua ĉi tie, li realigis ke romano povas esti la valida, restanta dokumento de iu socio, de epoko; ke ĝi povas formi kaj peri socian scion, konservi vivon kaj nuntempon en tre modifa estonteco".

M S

# John Maynard

de Theodor Fontane

John Maynard!
Kiu estas John Maynard?

'John Maynard estis nia stirist',
konkeris la bordon en streĉa persist',
li savis nin, por li la kron',
li mortis pro ni, nia amo la don'.
John Maynard'.

La 'Hirundo' tra la Erio flugas,
neĝflokan ŝaŭmon la pruo elplugas;
el Detrojto ĝi flugas al Bufalo' –
la koroj helas kaj gajas do,
la viroj, l'edzinoj kaj l'infanaro
jam bordon ekvidas en duona klaro,
kaj ĉiu sin turnas en babila bru'
al la stiristo: Ĉu longe plu?'
Li rigardon antaŭen, ĉirkaŭen direktas:
'Tridek minutojn … mi ja konjektas.'

La korojn regas gajo kaj hel' –
Jen kri' eklaŭtas el la ŝipokel',
‚Fajro!' tion la krio diris,
fumeg' el kajutoj kaj lukoj eliris,
fumego, poste da flamoj tro,
kaj dudek minutojn ĝis Bufalo.

La pasaĝeroj, miksa societ',
ĉe l' pruo staras en premega stret',
ĉe l' pruo plu estas aero kaj lumo,
sed ĉe la stirilo buliĝas la fumo,
kaj lament' aŭdiĝas: 'Helpu nin ho!' –
kaj dekkvin minutojn ĝis Bufalo.

Fumego haltas, blovado torentas,
la ŝipestro time stirilon atentas,
ne plu li vidas la stiriston pro nub',
do li demandas per sonotub':
'Ĉu vi ĉeas, John Maynard?'
'Jes, mi plu spiras.'
'Al la strand'! En la surfon!'
'Mi tien jam stiras.'

La ŝipanoj jubilas: Persistu! Ha lo!'
Kaj dek minutojn ĝis Bufalo'.

'Ĉu vi ĉeas, John Maynard?' Per
mortanta vok'
respondon li donas: 'Mi restos sur lok'!
Kaj mezen en surfon – ĉu rifo, ĉu ŝtono –
li pelas la 'Hirundon' laŭ la ordono.
Se savo efikos, nur tiele do.
Savo: la strando de Bufalo!

La ŝipo krevis. For brulterur'.
Savitaj ĉiuj. Krom unu nur.

Sonoriloj eksonas, la brua ekŝvel'
el kapeloj, preĝejoj strebas al ĉiel',
sonorado unu dum urba silento,
hodiaŭ gravas nur unu evento:
paŝadas dekmil homoj aŭ pli,
funebre larmantaj en procesi'.

Florumitan ĉerkon la tomb' englutas,
florojn ili sur la tombon ŝutas,
per oraj literoj en la marmoro
skribas la urbo pro danka memoro :

'Ĉi tie John Maynard, nia stirist'!
Dum fajro li stiris kun streĉa persist',
li savis nin, por li la kron',
li mortis pro ni, nia amo la don'.
John Maynard.'

Rimarko de la redaktoro: La bonega tradukisto estis ĉikaze kaj ĉe la Nietzsche-poemo d-ro Guido Holz, 1920 – 1989. Li lernis kiel lernanto en Luzern, Svislando, la francan, italan, latinan, grekan lingvojn kaj ankaŭ Esperanton. En gimnazio li instruis poste la francan kaj la germanan, kiun li flegis speciale kunlaborante en la Societo por Germana Lingvo. La libro el kiu venis la balado kaj la poemo estas kolekto de pli ol okdek poemoj el okcent jaroj de germana kulturo, havebla sur la titolo: "Tradukoj – transkondukoj", Armin Gmeiner Verlag, Ehnried-Hof, 7790 Meßkirch.

# MORTPUNO

Okulon pro okulo ...
kaj la tuta mondo blindiĝas
(Gandhi)

Mortpuno estas la plej alta puno de la krimpunoj. Pri ĝiaj rajtigo kaj celtaŭgeco oni ĝenerale ne dubis ĝis la mezo de la 18-a jarcento. En la jaro 1764 aperis libro kiu kauzis sensacion en Eŭropo: 'Dei delitti e delle pene', 'Pri krimoj kaj punoj'; la aŭtoro estis la Milana juristo Cesare Beccaria (1738-1794). Tre koncize li skribis ke la ŝtato nur devas puni, se estas nepre necesa. Necesas forigi damaĝon de la publiko. Sed venĝo ne estas tiu neceso. Li pledis por ĝenerala kaj speciala preventoj. Sekureco estas pli grava ol severeco. Li favoras la malliberejon, ĉar ĝi povas doni la plej bonan rilaton inter krimo kaj puno. Tial li ankaŭ postulis la forigon de la mortpuno. La kriminala proceso devas esti humana, publika kaj devas baziĝi sur pruvoj.

Hodiaŭ, post 250 jaroj, oni ne estas tiel progresema. Laŭ la informoj de Amnestio Internacia ne ekzistas la mortpuno en pli ol sesdek landoj. Entute en la plimulto de la ŝtatoj la mortpuno estas permesita, ekzemple en multaj federaciaj ŝtatoj de Usono, en diversaj afrikaj kaj aziaj ŝtatoj.

## Longa tradicio

La mortpuno ekzistas tra la mondo. Ĝi havas longan, malbonan tradicion. Ekzemplojn por ĉi tiu tradicio ni trovas multoble kaj tre detale en la Malnova Testamento – fundamento de la juda-kristana religio.

En la tria libro de Moseo, Levidoj, vokis Dio, la 'eternulo', Moseon kaj alparolis:

24/14 Elirigu la blasfeminton ekster la tendaron; kaj ĉiuj, kiuj aŭdis, metu siajn manojn sur lian kapon, kaj la tuta komunumo mortigu lin per ŝtonoj ...

24/16 Kiu insultas la nomon de la Eternulo, estu mortigita

24/17 Se iu mortigos iun homon, oni lin mortigu

Jam en la dua libro de Moseo (Eliro) troviĝas krimoj kiuj postulas kondamnon al morto:




21/12 Se iu batos homon kaj tiu mortos, li estu mortigita

21/15 Kiu batas sian patron aŭ sian patrinon, tiu devas esti mortigita

21/16 Kaj se iu ŝtelas homon por vendi lin, aŭ oni trovas tiun en lia mano, li devas esti mortigita.

La sinteno rilate al la mortpuno certe estas forte influita de la Malnova Testamento, en kiu estas la bazo ankaŭ de la hodiaŭa pensmaniero. Dum jarcento kaj por multaj kredemuloj ĉi tiu libro estas sankta ĉar juda-kristana dio mem diktis la tekston. La argumentoj hodiaŭ ne estas

aliaj ol antaŭ du mil jaroj: Se iu mortigas, li perdas sian ekzistorajton, la principo de la venĝo validas, kiu detale tekstas en Eliro (dua libro):

21.22 Se viroj kverelos kaj frapos gravedan virinon, kaj ŝi abortos, sed ne fariĝos malfeliĉo, tiam oni punu lin per monpuno kian metos sur lin la edzo de la virino kaj li pagu ĝin laŭ decido de la juĝantoj
21.23 Sed se fariĝos malfeliĉo tiam donu animon pro animo
21.24 okulon pro okulo, denton pro dento, manon pro mano, piedon pro piedo
21.25 bruldifekton pro bruldifekto, vundon pro vundo, kontuzon pro kontuzo

Mi citis sufiĉe amplekse ĉar multaj konas nur supraĵe la Malnovan Testamenton kaj eĉ kredas ke temas pri paciga libro.

## Usono

La arkaika biblia sinteno superregas en la plej granda civilizacio de la mondo: Usono, la sola okcidenta evoluita lando, kiu plenumas ekzekuton. La mortontoj mortas tie sur la elektrika seĝo, per injekto, en la gaskamero, per pendigo kaj pafekzekuto.

72 procentoj de la usonanoj pledas por la ekzekuto de krimeguloj, kvankam komparo inter la federaciaj ŝtatoj montras ke ŝtatoj aplikante la mortpunon havas pli altan murdkvoton ol tiaj sen mortpuno. Ankaŭ la nuna prezidento George W. Bush ne volis rezigni pri ĉi tiu balothelpo. Kontraŭe. La antaŭa prezidento, unue kontraŭulo de la mortpuno, partoprenis ekzekutadon en sia hejmŝtato en la jaro 1992. Ĉijare estas pli ol 3600 homoj, kiuj sidas en la atendohaloj de la morto.

Sed la mortpuno ne nur garantias reelekton, ĝi ankau stimulas la ekonomion: Neniam en la historio estis konstruitaj tiom da malliberejoj. Antaŭ dekkvin jaroj estis 800.000 homoj en la usonaj prizonoj, en 2000 estas pli ol du milionoj.

## La por kaj la kontraŭ

La pledantoj por la mortpuno havas esence du argumentojn : La ŝtato devas mortigi por gardi siajn enloĝantojn kaj por kontentigi la justec-senton de la normala civitano.

La kontraŭuloj rifuzas ambaŭ asertojn. Ne malofte okazas ekzekutoj pro juĝeraro kaj ankaŭ la tiel nomata fortimigo, la preventado, ne estas pruvebla. Krome ne estas facile distingi inter murdo kaj batmortigo.

Fama estas la Sacco-Vanzetti-kazo. La italaj enmigrintoj Nicola Sacco (1891) kaj Bartolomeo Vanzetti (1888) estis akuzitaj pro rabmurdo. La proceso estis dubebla. Antaŭjuĝoj pro la anarkiisma pensmaniero de la laboristoj ludis gravan rolon. Malgraŭ mondvastaj protestoj oni ekzekutis ilin en la jaro 1927. Kvindek jarojn poste, en 1977, ili estis rehonorigitaj de la guberniestro Michael Dukakis.

## Proceso kontraŭ usono

La Federacia Respubliko Germanio ekprocesis sukcese kontraŭ la Usono ĉe la UNO-kortumo en Den Haag pro grava peko kontraŭ la internacia juro – nekutima kazo inter amikoj. La fratoj Karl kaj Walter LaGrand estis la unuaj germanoj post la Dua Mondmilito, kiuj estis pro rabmurdo ekzekutitaj; Karl per veneninjekto kaj Walter en la gaskamero malgraŭ la ordono de la UNO-kortumo kiun la usono simple ignoris.

MS

# ANONCO






Moskvo

En la koncentrejoj de la NKVD, en la frostega dezerto de la malproksima nordo, ĉie kie miaj suferoj transpaŝadis homajn mezurojn kaj limojn, ĝermis en mi unu sola deziro: Ke mi ĉion transvivu kaj ke mi rakontu al tuta mondo, kaj unue al miaj partiaj kamaradoj kaj amikoj, kiajn teruraĵojn mi suferis.

.... mi timis ankaŭ ke maliculoj eluzos mian libron por kontraŭbatali socialismon.

Tial mi provis montri ke tio, kio okazis en Sovet-Unio ne estas la konsekvenco de la socialismo, sed la perfido de la socialisma ideo.

Tion pruvas la jaro 1939, kiam Stalin subskribis kontrakton kun Hitler, kiu estis kontraŭ socialismo kaj demokratio.

Tion pruvas la transdono de germanaj komunistoj al la Gestapo, arestoj kaj ekzekutoj de eksterlandaj komunistoj en USSR.

Post la milito Stalin donis plian pruvon pri la perfido de la socialismo, kiam sub la firmo de Kominform atakis Jugoslavion minacante ĝian liberecon kaj specifan vojon al socialismo.

Kion mi rakontas en ĉi tiu libro ne estas sumo de ĉio, kion mi travivis, sed nur parto malgranda de tio, kio efektive okazis. Por rakonti ĉion, kion mi kun dek miloj da personoj travivis dum tiuj dudek jaroj en Sovetiaj koncentrejoj, mi devus havi superhoman memoron.

Tiu komenciĝis la kvaran de novembro en Moskvo, en la strato ... loĝejo numero 44. Estis nokto. Ni dormis profunde. Subite vekis min sonorigo ĉe la pordo. Sur la ŝultro mi eksentis la manon de mia edzino.

- Karlo, Karlo! - ŝi diris flustre.

Mi rektiĝis en la lito. Iu sonorigis freneze. Kiu venis tiel malfrue en la nokto? Mi ekrigardis la horloĝon. Estis la dua horo kaj kvardekkvin minutoj. La sonorado ripetiĝis, sed multe pli persiste.

Subite min ekkaptis timo antaŭ io ne konata. Malrapide mi ellitiĝis. La sonorado ne ĉesis.

- Kiu estas? - mi demandis heziteme.

Tovariŝĉ Ŝtajner, malfermu! Estas mi, la domgardisto.

Malfermante iomete la pordon, mi ekvidis la vizaĝon de la domgardisto.

- En via kuirejo ŝajnas esti inundo, la akvo penetris la suban etaĝon. Mi devas vidi! - li diris rapide kaj iom konfuze.

- Ĉe ni estas ĉio en ordo, - mi respondis.

- Tamen malfermu, mi devas konvinkiĝi! - la domgardisto insistis.

En la sama momento, malfermante la pordon, mi vidis oficiron kun du soldatoj. Tiu ĉi oficiro kaj unu soldato kun la domgardisto eniris mian loĝejon kaj la alia restis en la koridoro ... Mi ekvidis signojn de ĉefleŭtenanto de la NKVD.

- Ĉu vi havas armilojn? - li demandis. Tio estis la unua frazo kiun li diris.

- Ne! - mi respondis kaj surpriziĝis pri mia trankvilo.